

# LA NOVA EPOKO


Literatur-Scienca Aldono al

**SENNACIULO**

oficiala organo de Sennacieca Asocio Tutmonda

Jaro IX/XIII
N-o 2 (98)
aperas dumonate

2. junio 1932


## ŜAKT' N-RO 3.

Li la-bo-ri-sto sim-pla e-stis, La-bo-ris en Do-nec-ba-sen', En ŝak-to tu-tan ta-gon res-tis, La kar-bon fo-sis li kun pen'. Li e-stis so-la, long-la-boris, Dum du-dek ja-roj ŝak-ton boris. Kaj ti-am mul-ton ja ek-vi-dis, mul-ton ja ek-aŭ-dis, Mul-ton ja ek-sci - - - is ŝakt' nu--me--ro tri.

1. *Li laboristo simpla estis,*
   *Laboris en Donec-basen',*[1]
   *En ŝakto tutan tagon restis,*
   *La karbon fosis li kun pen'.*
   *Li estis sola, longlaboris,*
   *Dum dudek jaroj ŝakton boris*
   *Kaj tiam multon ja ekvidis,*
   *Multon ja ekaŭdis,*
   *Multon ja eksciis ŝakt' n-ro 3.*

2. *Alvenis Lenjo je printempo,*
   *Vekiĝis baldaŭ forta am'*
   *La kampoj logis vespertempe,*
   *La sango ardis kiel flam'.*
   *Allogis vasto, sorparbust',*
   *Benk', palisar', la mol' de l'brust'...*
   *Kaj tiam multon ja ekvidis,*
   *Multon ja ekaŭdis,*
   *Multon ja eksciis ŝakt' n-ro 3.*

[1] Doneca karbbaseno estas unu el la plej riĉaj karbfontoj en Sovetio. Ĝi situas inter la rivero Donec (riverbranĉo de l'rivero Don) k la Azova maro. *Rim. de l'trad.*

# LITERATURO

## MALPROKSIME DE LA VOJO

Skizo de VIKTORO EKSTRÖM.

I.



Sur la larĝa ŝoseo al la popola parko, kie la urba gelaboristaro amuziĝadas dum tri vesperoj de la semajno, iras granda aro da junaj gelaboristoj.

Estas belega printempo, sabata vespero, k la lasta brilo de malleviĝanta suno ĵetas siajn radiojn sur maldensajn nubetojn, kiuj per multvariaj kolorludoj reĵetas la lumon de la astro. La okcidenta parto de l'ĉielo fajras en nuna momento sangoruĝon k la orumitaj nubetoj de tempo al tempo aliigantaj siajn formon k koloron kontrastas al la malhela abiarbaro ĉehorizonta.

Mia kunulo atentigas min pri la belo de la vespero k en tiu momento ni forgesas la nigran sociordon k estas ravitaj pri la belo de l'norda printempo.

Freŝa, dolĉa, ensorĉa printempa sezono penetrigas momentan feliĉon k vivoĝojon en la spiritojn de l' mizeraj industrilaboristoj el granda fabrikurbo. Niaj pli malpli sanaj pulmoj, en ĉiutaga laboro kutimiĝintaj al enspirado de polvo k ŝtofpartetoj venantaj el moviĝantaj teksiloj k ŝpiniloj, nun kvazaŭ renaskiĝas trinkante la varmetan aeron de la printempo.

La vojo al la eksterurba parko ŝajnas al ni sufiĉe longa k ni plirapidigas nian iradon, ĉar je la oka k kvarono komenciĝos la teatroludo en la laborista parko de ni celata. De tempo al tempo nin preterveturas aŭtomobiloj, en kiuj komforte sidĝuas reprezentantoj de l'kapitalo, kiuj malavare al ni donadas densajn nubetojn da vojpolvo. Jen, en la ĵus preterveturinta aŭtomobilo sidas alte pagata oficisto, kies ekskurscelo ne estas la popola parko, sed apudlaga restoracio eksterurba.

Ni ambaŭ bone atentis la mienon de la preterveturinto, ĉar ĉe lia flanko ni ekrimarkis belan laboristinon, kiu nun estas kunulino de la etburĝo. Eble ŝi kredas liajn promesojn pri pli bone pagata laboro, eble ŝi imagas pri estonta kunvivado kun li, oni ne scias; ni tamen ne povis ne atenti la diboĉmienan esprimon sur la vizaĝo de la bone vestita sinjoro.

Ni bone ekvidis, ke, kvankam liaj manoj manipuladis la aŭtomobilan direktilon, lia interno ree k ree travivis feliĉon ĝuotan en la brakoj de lia bela aĉetulino. Mia kamarado ĉagreniĝis, eĉ koleris k antaŭ mi insultis al la laboristino, kiu tiel perfidas sian klason donante al reprezentanto de la kapitalisma socio sian ĉarman korpon. Tiel aŭdante plendesprimojn de mia „klaskonscia“ kunulo, mi fine atingis la enirejon al la popola parko.

Ruĝa k sveda flagetoj gaje flirtas sur la ĉe-enirejaj dometoj, kie vizitantoj tintas per sia mono, aĉetante enirbiletojn. Nun troviĝante en la bonorda amuzparko, posedata nur de laboristaj organizoj k fondita kun la celo prezenti al la laboristaro valorajn teatraĵojn, ni aŭdas vigligan ĝazbandan muzikon, kiu penetras el sub la plafono de la granda dancejo, kie vigle k ritme sin movas centoj da junaj geproletoj. Inter la publiko ni ankaŭ vidas reprezentantojn de la burĝa klaso.

Subite aŭdiĝas akraj sonoj de vokanta sonorileto. La dancado finiĝas k ĉiuj rapidas antaŭ la scenejon por trovi la de ili pagitan lokon. La sidlokoj en la laborista teatro estas laŭ la alto de l'pago diferencigitaj k plej malkara estas starloko. Trovinte niajn seĝojn mi demandas al mia kamarado, kia teatraĵo estas ludota. „Franca farso“, li respondas, „ĉar vi certe komprenas, ke tion ŝatas la publiko.“

---

ŜAKT N-RO 3. (Daŭrigo.)

*3. Rusio kreskis. Jaroj kuris,*
*Kaj jen, en februara tag'*
*Sur la minejo eksusuris,*
*Ekflirtis venke ruĝa flag'.*
*Kaj apud la mineja mas'*
*Kunven', standardoj, homamas'...*
*Kaj tiam ... ktp.*

*4. Teroro venis. Blanka bando*
*Ŝaktiston kaptis, sub la ter',*
*Mallonge diris: „Propagando“,*
*Al stab' lin trenis ĉe l'river'.*
*Esplor' tre simpla: skurĝ', survang'.*
*Mortpafo k ŝprucanta sang'...*
*Kaj tiam ... ktp.*

*5. Jam dekdu jarojn de Sovetoj*
*La land' firmiĝas pli k pli.*
*Ŝaktista sango ligis nete*
*La partojn per memor' pri li.*
*Pro la basen' ŝaktisto mortis,*
*Sed savon li al karb' alportis.*
*Post tiam multon ja ekvidis, multon ja ekaŭdis,*
*Multon ja eksciis ŝakt' n-ro 3.*

*El la rusa lingvo tradukis Igorj Miŝin.*

La farso komenciĝis, k la medio de la ludata teatraĵo estas tiu de l'franca burĝaro. La unua akto finiĝis. Bruas aplaŭdoj venantaj plejparte el la kunfrapado de proletaj manoj, kutimiĝintaj al peza, panakira laboro. Miaj manoj restas senmovaj k ne komprenante la sencon de tiu laborista teatro mi kolere insultas la tuton antaŭ mia kamarado, ĉar mia racio ne povas kompreni, kial la proletaro sin mem burĝigas per prezentado de tiaspecaj spektakloj. Mia kamarado tuj respondas, ke ni estu pli toleremaj, ĉar kelkfoje oni ankaŭ ludas dramojn de Strindberg, Tolstoj, Suderman k aliaj majstroj.

Al mia demando, ĉu la laborista teatro ne devas sin limigi al temoj socialismaj, li simple respondas, ke la sola plezuro sufiĉas por ni, kiuj vivas en la demokratia Svedio. Krome li aldonas, ke niaj socialdemokratoj deziras, ke nia teatro ne estu ofenda al iu ajn.

Per tiuj vortoj li finas nian diskuton k ĝentile prezentas sian brakon al bela dancema laboristino, k kun ĝoja rideto la paro malaperas inter la dancantaron.

La duan k trian akton de la franca farso mi trasuferis, vidante maljunan grafon k lian junan, belan grafinon, kies ĉefa „laboro" estis porti luksajn vestojn k kune kun sia amanto trompi la grafaĉon.

Nun mi direktas miajn paŝojn al la dancema publiko, kiu restis en la parko por kontentigi sian amuzemon post finiĝo de la farso. Mi serĉas mian kamaradon inter milo da homoj, k subite mi trovas lin kune kun sia nova bela amikino. Post interŝanĝo de kelkaj vortoj kun ili mi ekscias, ke ili duope entreprenos noktan promenadon, ĉar la aperanta luno promesas belegan nokton. Ĉe la elirejo ni disiĝas: mi elektas la vojon al la en malproksimo lumetanta urbo, k ili direktas sin al la kamparo.

## II.

Unu jaro pasis. Denove la aero de la nordo plivarmiĝas, la neĝo fordegelis k blanktrunkaj betuloj verdiĝas. En tiu ĉi sabata vespero mi promenas, troviĝas ree sur la vojo al la popola parko. Hazarde mi renkontas la kamaradon de l'pasinta jaro, kunulon mian dum la siatempa popolparka vizito.

Hodiaŭ li ne estas tiom gaja, sed li proponas, ke ni komune iru en la konatan amuzejon. Ĉe mia respondo, ke mi jam konas la sorton de la grafaĉo, li foriras k malaperas en la fluon de l'amuz-serĉantoj.

Subite min alvokas amiko el mia infanaĝo k li rakontas, ke li nun, studinte en lernejo por religiuloj k baldaŭ havonte titolon de diakono, estis sendata al sia naskiĝurbo por tie praktiki kiel helpanto en departemento por kontroli k prizorgi la vartadon al eksteredziĝe naskitaj infanoj. Momente li bezonas atestanton por subskribi kontrakton pri subteno al infano, kies gepatroj ne edziĝis. Li invitas min kuniri al la loĝejo de l'juna patrino por tie atesti pri ŝia propra nomskribo.

Li ricevis mian konsenton k ni kune nin direktis al laborista kvartalo, konsistanta el malmodernaj domaĉoj. Serĉante la ĝustan domon inter malpuraj kortoj, kie familianoj de l'ekspluatata klaso vivadas sian malhelan vivon de interfamilianaj disputoj, malharmonio k mizero, ni fine trovis la celatan domon.

Mallarĝa, nepura k preskaŭ forputrinta ŝtuparo nin kondukis al la dua etaĝo, kie loĝas la juna patrino kun sia infaneto. Ni frapis, malfermis pordon k troviĝis en malgranda aĉa kuirejo, kie odoro de surplanke urinintaj infanoj preskaŭ nin sufokis. Sur la planko ludis du nepuraj k ĉifonaj infanoj. Mi tuj komprenis, ke ni troviĝas ĉe infanoriĉa familio, kie ankaŭ la patrino devas panakiri en fabriko, por povi kontentigi la plej urĝajn postulojn de tre mizera vivado. Sur difektita seĝo kuŝis malorde plej necesa tolaĵo, kelkaj ĉemizoj, kiujn hodiaŭ lavis la laboreganta edzino.

La tuto en la malgranda kuirejo donis malĝojigan bildon pri mizera proleta hejmo. Subite malantaŭ ni rapide malfermiĝas la pordo k kun granda bruo sepjara knabo enkuras kriante: „Patrineto, mi malsatas, donu al mi panon!"

Ekvidante nin, du fremdulojn, li tuj demetas la lignoŝuojn k hontetas laŭŝajne pro sia brua konduto. Tuj ni demandas la knabon, kie ni povas trovi la junan patrinon.



„Ŝi estas certe en la apuda ĉambro", li respondas malfermante la ĉambran pordon, k invitas nin eniri.

Sur seĝo k kun dorso turnita al ni, sidas tie juna virino okupita per kudrado. Ĉe nia saluto „Bonan vesperon" ŝi turnas sin, k mi troviĝas vid-al-vide al tiu junulino, al kiu min prezentis mia kamarado okaze de nia popolparka vizito dum la pasinta printempo.

En angulo de la malgranda ĉambro ploretas antaŭ nelonge naskita infaneto. Tiu ĉi malgranda ĉambro kune kun la kuirejo devas sufiĉi por laboristo, lia edzino k iliaj kvin infanoj. Krome ĉe ili nun loĝas la juna patrino kun sia infaneto.

Mia rigardo serĉas la vizaĝon de mia kompatinda samklasanino k mi rimarkas, ke for el ĝi estas la antaŭa gajo. Nun ŝia okula esprimo ŝajnas malfirma, preskaŭ tiel kvazaŭ ŝi hontus. Entute mi ne povas ne rimarki, ke ŝi sentas sin tre timigita.

Ĉe tiu konstato min ektrafas la ĝenerala opinio burĝaĉa, kiu ankoraŭ plenigas la sentojn de tiom da homoj, eĉ de multaj, kiuj sin nomas socialistoj. Nun mi klare komprenas, kiom forte nin sufokas depost jarcentoj, eĉ jarmiloj la pastraĉa religio. Kiom kruele ĝi estigis sian malican juĝon kontraŭ virino, kiu naskis infanon ekster la „sankta edziĝo"!

Multaj ekpensoj trakuras mian cerbon. Mi imagvidas maljunan riĉulon, kiu dank' al sia dika monujo havigis al si „amon" de bela, sed neriĉa junulino. En lumplena preĝejo pastro benas ilian amon k dank' al tiu sanktigo de la malpuraĵo kreas por ili la estimon de ĉiu „dece" pensanta sociano.

Ha, nia demokratia Svedio kun siaj „civilizita socio" k „altkultura" nivelo de l'individuo! Ĉu ne por la plej granda parto el ni, eĉ por ni nomantaj nin demokratoj k socialistoj, nia samklasanino estas pekinta k perdinta sian honoron? Mi bone konas la malicajn langojn de virinaĉoj partoprenantaj kudrokunvenojn, en kiuj ekleziulo elbabiladas sian stulton. Ties ĉefa tasko ja estas senhonorigi ĉiun, kiu libere pensas k agas.

Fine la bildo de mia kamarado, patro de l'infano, aperas en mia imago. En miaj oreloj sonas liaj paroloj pri la laboristino, kiu en aŭtomobilo akompanis la alte pagatan oficiston. Mi konkludas, ke la klaskonscio de

mia kamarado nur estas limigita al la vira sekso. Por tiaspeca „klaskonsciulo“ virino estas nur ino, kies bonstato ekster la nura sekskuniĝo ne interesas lin.

Mian pensiron interrompas alparolo de la diakono, kiu min petas atesti ŝian konfirmon de dokumento, kiu laŭleĝe garantias elpatran subvencion de 25 kronoj monate al la infano ĝis ĝia 16-a jaro.

La entreprenita afero estas plenumita, k kun malĝoja koro mi forlasas la provizoran hejmon de mia samklasanino k ŝian ploretantan mondcivitaneton.

Surstrate mi vidas gejunulojn kun rido sur lipoj, laŭŝajne kontentaj pri vivo k sociordo, sin direktantaj al la popolparka teatro por tie ricevi „klaskonsciigan“ teatraĵon.



III.

La somero forpasis. Varmetaj ventoj ne plu karesas miajn vangojn. Kiam mi troviĝas survoje al la urbo, por tie eklabori je la sepa horo matene, mian iradon malhelpas koto k mallumo. Pluvo intermiksita kun neĝo skurĝas mian vizaĝon. Vento skuas mian mantelon, malseko igas min frostotremi, k mi sopiras hejmen, en la varman liton.

Min rapide preterpaŝas proletoj, serĉantaj plej proksiman vojon al siaj ekspluatejoj.

La strataj lanternoj ne kapablas trabrili la mallumon k ni aperas kiel nebulaj fantomoj, kiuj supreniĝis el ia nigra mondo subtera. Ĉiuj fenestroj de l'laborista kvartalo estas lumigitaj, ĉar la sklavo ne malfruiĝu k perdu iom el sia salajreto...

Sub stratlanterno mi iratingas virinon, kiu portas ion en siaj brakoj. Ŝi iras lace k nerapide. Mi ekrigardas ŝian vizaĝon k antaŭ mi, portante sian infaneton, staras la juna patrino, kiun mi vizitis pasintan printempon.

Mi divenis ŝian staton; ŝi ne volus disiĝi de sia infaneto, ŝia sola solvo nun estas ĝin porti al ia dumtaga vartejo por etuloj. Kiel antaŭe ŝi nun laboras en fabriko k ie luas ĉambreton. Vespere ŝia patrina amo ree igas ŝin porti sian karuleton al sia malvarma subtegmenta ĉambreto. Kiom multfoje mi vidis tiujn en ŝaloj envolvitajn viktimojn de l'matena neĝo, pluvo k frosto. Stampitaj per sklavosignoj la etuloj estas rabataj el siaj litoj k devigataj enspiri la malvarman matenan aeron, kia ajn estas la vetero.

Mi paŝas nun tra riĉula kvartalo, kie el la fenestroj ankoraŭ ne penetras lumo, ĉar tie viro, virino k infano ankoraŭ restas en varmaj litoj, k mia netrankviligebla racio ekparolas pri la socia demando.

Mi devas ja konstati, ke ĉe ni proletoj ankoraŭ restas tiu kruela egoismo, kiu en virino nur vidas sklavinon. Sed ĉu la naturo ne povas doni al ili egalon al viro? Ĉu ili ne rajtas iomete vidi la sunon?

Frateco! Bela vorto, sed malofte ni uzas la vorton fratineco.

Kiel ofte ni proletoj aktive laboras por realigi justan sociordon k malebligi ekspluatadon al laborantoj, sed restas plej malmolkoraj subpremantoj al la virino de nia propra klaso!

Ha, ci burĝisma egoismo, kiel liberiĝi de ci! Vokas nia racio: Kleron, edukon k novan proletan kulturon purigitan de putranta burĝismo vi bezonas. Jen, kion ni bezonas en la „kara demokratia“ Svedio!

IV.

Denove printempiĝas. La suno varmigas la korojn k la ĉiam novaj amdeziroj renaskiĝas ĉe la homoj. La ŝoseon al la laborista parko plenigas gajaj, kontentaj k eble ankaŭ — feliĉaj geproletoj. En la „demokratia kara“ Svedio oni proksimiĝas al la fincelo, la senklasa socio, ĉar jungelaboristoj vizitadas amase la laboristan teatron.

La kurteno leviĝas antaŭ laborista publiko. Reviviĝas la grafaĉo en farsoj kun burĝa medio. Kulturon oni donas al „klaskonscia“ publiko. Laŭde kunfrapiĝas denove la malmolaj manoj de l'ekspluatata proleto pro ĝojo pri la bona teatro.

Poste ni dancas kun bela junulino, la luno aperas, ni promenas kamparen en bela ensorĉa nokto k en niaj pensoj moviĝas la farso kun sia por laboristo tiom kleriga tendenco.

Kiom ĝojige estas vivi en la demokratia Svedio! Ni rapide konstruas socialismon, ĉar ni havas laboristan teatron kun franca grafo, kiu neniam mortos!

# *PIONIROJ, HO, PIONIROJ!*

ŬOLT ŬAJTMEN (WALT WHITMAN).

*KARA infanaro bruna,*
*Sekvu vi bonorde, tenu pretaj la armilojn!*
*Ĉu estas la pistoloj? La hakiloj akrigitaj?*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ni ĉi tie ne prokrastu!*
*Marŝu ni, karuloj, eltenu skuon de l'danĝero.*
*Nin, la junajn, fortajn rasojn, nin atendas ĉio resta.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ho, junuloj okcidentaj,*
*Plenaj vi je fiero vira, malpaciencaj k agemaj,*
*Klare vidas mi, junuloj, vin vagantaj unuavice,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ĉu la antaŭuloj haltis?*
*Ĉu la lernon finis ili, lacaj, tie trans la maroj?*
*Nun al ni la task' eterna kaj la ŝarĝo k la lerno.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ĉion postan ni forlasu.*
*Ni deziras novan mondon,*
*Alian mondon pli potencan.*
*Freŝan mondon ni ekprenu, de l'laboro k de l'marŝo,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ni, taĉmentoj, ĉiam kreskaj.*
*For la barojn, tra la montoj, ni aliru supren!*
*Konkerante k riskante iras ni sur fremda voj'.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ni faligas praarbarojn,*
*Baras la riverojn k turmentas,*
*Profunden boras ni la minojn.*
*Gardas la surfacon larĝan,*
*Finas staton virgan de la ter'.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ni estas viroj Koloradaj.*
*El la supregaĵoj,*
*El pintaro granda, de l'ebenoj altaj,*
*El la minoj, el la valo, de ĉasista voj' ni venas.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*De Nebrasko, de Arkansas,*
*Enlandanoj el la centro, de Misuri,*
*Nia sang' miksita kun la kontinenta.*
*Ĉiuj kamaradoj prenu mane unuj la aliajn,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ho, nehaltigebla gento.*
*Ho, benata gent' en ĉio,*
*Mia brust' pro amo plen' doloras.*
*Mi suferas, tamen ĝojas, plenas mi de am' por ĉiuj.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Vidu, karaj firmvoluloj,*
*Kun aregoj post la dorso, ni neniam ŝanceliĝu.*
*Milionoj da spiritoj urĝas nin, el malnovtempo.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Antaŭen nur, la densaj vicoj!*
*Kun subtenoj atendataj,*
*Rapide plenas ree la dezertaj lokoj.*
*Tra l'batalo, tra l'malvenko*
*Moviĝantaj, neniam haltaj, —*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*



*Ho, la morto dum marŝado! —*
*Ĉu estas kelkaj, kiuj mortos, ĉu la horo venis?*
*Dum la marŝ' ni brave mortas,*
*La vica truo repleniĝos.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ĉiuj pulsoj de la mondo*
*Estas ekbatantaj nun per la okcidenta bato.*
*En kuniĝo, unuope, anaro nia*
*Moviĝanta al la fronto, —*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Diversaj vivoj kunligitaj,*
*Ĉiu form' k sceno, laboristoj dumlabore,*
*La maristoj, la teranoj, ĉiuj mastroj kun la sklavoj,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*La amantoj malfeliĉaj,*
*Ĉelularo mallibera — la justuloj k fiuloj,*
*La ĝojantoj, suferantoj, la vivantoj k mortantoj,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ankaŭ mi, anime, korpe.*
*Ni, stranga aro, kaptas, vagas sur la voj'.*
*Tra la kampoj, sub la ombroj,*
*Premas nin la aperaĵoj.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Jen, la turniĝanta tero,*
*Jen, la frataj globoj ĉirkaŭe, ĉiuj kunirantaj sunoj,*
*La helegaj tagoj, ĉiuj noktoj mistikplenaj,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ili estas la kunuloj*
*Por la virga laborad' —*
*Dum embriaj posteuloj nin atendas,*
*Ni, gvidantoj de l'vicar', ni pretigas jam la vojon,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Vi filinoj okcidentaj,*
*Junulinoj k pli aĝaj, ho, patrinoj k edzinoj,*
*Neniam dise iru vi, en niaj vicoj unuecaj.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Kamp-poetoj atendataj*
*(Mortaj bardoj alilande,*
*Ripozu vi, farinte la laboron.)*
*Baldaŭ venos vi, kantante, k leviĝos, kunvagados,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

# LA BETONO

F. PARFENOV, V. ILJENKOV.[1]

1.

LA tero, kompaktigita de l'jarmiloj k katenita de l'frosto, obstine kontraŭstaris al la homoj. La kvindekgrada siberia frosto vestis al ĝi trimetran kirason el glaciigita grundo sonorinta sub la frapoj de l'ferstango.

Sed la homoj bezonis konstrui; ili ne povis atendi ĝis la veno de varmaj tagoj. Per pioĉoj, feraj kojnoj, ferstangoj, fosiloj ili batis la teron, fortikan kiel roko, enmetis minojn, k la tero, obtuze ekĝeminte, flugis supren nigrakolone. De l'homoj leviĝis densa vaporo, la fosiloj rompiĝis k kurbiĝis, sed la homoj, mordpenetrante en la sinojn, obstine fosis la fundament-kavojn. Kaj Stasjuk vidis: ju pli profunden oni penetris en la teron, des pli rapide maldensiĝis la brigado. Multaj ne povis elteni tiun ĉi atakon, — ili komencis murmuri k cedi, malplialtigante la fariton.

Ĝi estis pli danĝera ol la malhumila glacigrundo.

La brigado de Stasjuk konsistis el Aĉinskanoj, Barnaŭlanoj, Barabinskanoj, — veraj siberianoj, kiel la brigadgvidanto mem. Ili alfluis el ĉiuj anguloj de l'frostoplena Siberio serĉante bonan perlaboron. Unuj detruis siajn mastrumojn k, ŝarĝinte la havaĵon sur ĉarojn, trenis post si tra la senhoma „tajga" (praarbaro) la kamparaĵon: bovojn, ĉevalojn; aliaj lasis hejme „por ĉiu okazo" la mastrumon; triaj venis al la konstrutereno tute senŝarĝe: ili ne havis, kion lasi en la vilaĝo aŭ altreni kun si, ĉar ili estis taglaboristoj.

Kaj la brigadestro sciis, ke tiuj homoj estas necedemaj k obstinaj, kiel la glaciiĝinta grundo. Ili pecigis per ferstangoj la teron. Are ili subpremis ĝin, streĉante la muskolojn, sed dum tago faris ne pli ol po unu kubometro por homo. La tero ne cedis. Al la obstino de l'brigadgvidanto kontraŭstaris la jarcenta kutimo de l'Barnaŭlanoj labori „senstreĉe". Oni kaŝis sin unu post la dorso de alia, profitante la penadon de la pli fortaj. Stasjuk estis diranta al tiuj: — Liberigu nin, knaboj . . . Ni iel ĉion faros ankaŭ sen vi.

Unuj foriris, aliaj pliantaŭeniĝis, interrigardante unu la alian. Tiam Stasjuk dividis la brigadon je etaj „ĉeneroj", starigis ĉe apartaj fundament-kavoj k diris:

— La pago estos por ĉiu fundament-kavo aparte. Kiom iu faros, tiom ankaŭ li perlaboros.

Kaj tuj fariĝis pli videble, kiu penas sin kaŝi post la dorso de l'kolektivo; la malprogresintoj devis reatingi tiujn, kiuj perlaboris pli, la fosiloj eklaboris pli vigle k la ellaboro atingis po kvar k duona kubometroj por homo. Ĝi estis la unua leciono. La sperto donis al Stasjuk la eblon elpalpi la vojon al la necedemaj „Barnaŭlanoj". Tiujn tagojn en la konstruejo la alnomo „Barnaŭlano" estis sinonimo de malrapidemo k maldiligenta meditemo. Stasjuk vipis la „Barnaŭlanon" per rublo, k la „Barnaŭlano" ekvidis, ke lia salajro komencis plialtiĝi.

La fosiloj ekmarŝis pli rapide, la siberia glacigrundo disflugis en pecojn, cedante al la alpremo de l'homoj. Multiĝis la profundaj putoj por fundamentoj, pretaj akcepti la betonlikvaĵon.

La tero estis venkita. Tratruite de fundament-kavoj, de fosaĵoj, ĝi rememorigis la front-zonon: tiel same grandbule leviĝis la tero, kvazaŭ retumita de obusoj, tiel same odoris pulvon pro la eksplodo de minoj. Je la distanco de unu kilometro disvolviĝis la fronto de konstruado de l'lameniga fako. Post 7 monatoj la ardanta sesdekkilograma ŝtala bloko kun tondrobruo ekflugos tra la „blumingo" (? Red.), etendiĝante je fajra dudekmetra serpento. Ĝi traglitos tra la rul-irejoj sub la cilindrojn de l'lamenigilo k ekkuŝos en formo de malhelblua malvarmiĝanta relo.

Tiun ĉi relon atendas la lando. Tiu ĉi relo ekkuŝos tra la „tajga". Sep mil kilometroj da vojo traflugos dum jaro la lamenigilon. Sed nun al la fronto de l' laboroj minacis morta kvieto: silente faŭkis la malplenaj putoj de l'fundament-kavoj, montoj da gruzo atendis ĉaretistojn, el la malfermitaj pordoj de l' vagonoj fluis en griza strieto la cementa multvalora polvo; silentis la betonmiksiloj, malferminte la nesatigeblajn faŭkojn. Mankis homoj, povantaj fari betonon.

Stasjuk ne kutimas miri. Elsub lia vila triorela ĉapo liaj brunaj okuloj rigardas ĉiam trankvile k rekte. Sed kiam oni diris al Stasjuk, ke liaj „Barnaŭlanoj"-terfosistoj devas fari betonon, li mallevis la okulojn teren.

— Betono? Sed kio estas betono?

Kiel povus scii Stasjuk pri betono, se sian tutan vivon li pasigis sur kampoj? Li estas majstro de l'tero, de kiu li disiĝis nur en februaro ĉi-jare. Betono ne estas kampula afero. Kaj kiam li relevis la okulojn, en ili estis multe da miro k medito. Sed ĉu estas tempo por miri k mediti, se la 1-an de decembro devas esti farita la unua Kuznecka relo, se jam en junio devas leviĝi naŭ kolonoj de l'lameniga fako?

Stasjuk iris interkonsiliĝi kun la brigado, sed el 30 homoj troviĝis nur du, vidintaj, kiel oni faras betonon. Kion povis diri la ceteraj? Pleŝov naŭ jarojn taglaboris ĉe riĉkampulo. Pleŝov estis ĉion farinta, sed betonon Pleŝov ekvidis nur monaton antaŭe. Betono — ĝi signifas urbon, fabrikon, sed Pleŝov tutajn jarojn paŝtis brutaron, plugis per bovoj, draŝis, — spertis ĉion, krom bona vivo. Por jaro da bova laboro li ricevis de l'mastro duon-desjatinon[2] da tritiko, valoranta 17 rublojn k dek rublojn kontante. Kaj al la konstruo de l'Kuznecka fabriko Pleŝov alportis kun

---

*Ne por dolĉaj ĝuotaĵoj,*
*Ne kusenoj k pantofloj, ne la paco k studemo,*
*Ne komforto riĉegula, ne por ni la paca ĝuo,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ĉu la manĝeguloj festas?*
*Ĉu satuloj grasaj dormas kun ŝlosita, ferma pordo?*
*Simpla estu nutro nia k kovrilo sur la ter'.*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ĉu la nokt' alvenis?*
*Ĉu la lasta voj' lacigis?*
*Ĉu ni haltis senkuraĝe dum la ir'?*
*Paŭzu ni dum unu horo k ripozu bataladon,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*Ĝis la son'trumpeta,*
*Fore la tagiĝo vokas —*
*Aŭdu kiel laŭte, klare ĝi aŭdiĝas!*
*Tuj. Al la unua vico — tuj saltu vialoken,*
*Pioniroj, ho, pioniroj!*

*El la angla tradukis S. Aarse.*

---

[1] En „La paŝoj de la Jarkvino" *(Centreldon, Ĥarkovo-Kievo).*

[2] Desjatino = rusa mezuro; iom pli ol hektaro.



si nur fortikajn brakojn k kvin familianojn — sian tutan „riĉaĵon“. Li elfosis terkabanon en la monto k fariĝis laboristo de l'Kuzneck-konstruo. Tio, kion li ekvidis sur la konstrutereno estis nova k neperceptebla.

Antaŭ liaj okuloj el tero estis elkreskantaj konstruoj longaj tutan verston, grandegaj arganoj levis supren pezajn ferajn relojn, la tero estis malaperanta, kovrata de metalo k ŝtono, — k Pleŝov ekvidis tion, pri kio li estis nur aŭdinta dum la vilaĝaj kunvenoj k kion oni tre malmulte kredis.

Kial do al Pleŝov, naŭ jarojn farinta riĉaĵon por aliaj, ne eblus fari betonon por si?

— Se necesas, do pri kio paroli? ... Por la socialismo. Por la civito.

Li prononcas tiun ĉi vorton kun respekto, sciante ĝian valoron. Tiu valoro estas naŭ jaroj de taglaborista malsatvivo. Kaj Pleŝov la unua malsupreniĝis en profundan puton, odorintan freŝajn formtabulojn. Griza densa torento de betono, elfluginte el la bobenego de l'maŝino, enfluis la fundament-kavon, kaskade falante sur la fundon, per tondrobruo pleniganta la keston de l'formotabuloj, surdigante Pleŝov-on. Sonoris kiel streĉita kordo, sub la frapoj de l'gruzo, la drato kuntiranta la piramidon de l'formotabuloj.

En tiu tago, enprofundiĝinte ĝis la genuoj en la betona likvaĵo, Pleŝov komencis fari betonon.

2.

La betonmiksilo „Jeger“, starigite sur tremanta podio super la fundamentkavo, obtuze murmuras, remaĉante la betonan miksaĵon. Sepdek sekundojn la gruzo, sablo, cemento k akvo turniĝas kun bruo en la piroforma bobenego de l'maŝino. Sed kalkuli la sekundojn sen horloĝo estas malfacile, — difininte la denson de l'solvaĵo simple laŭvide; la maŝinisto kun peno turnas la inertradon k renversas la „piron“ super la krutan tabulkanaleton. La betona maso kuras en la kanaleton en verd-griza strio, la gruzo krakobruos sur la ligno k, pelate de fosiloj, impetas al la kavo.

Stasjuk vidas, kiel la maŝinisto transmetas la kojneton en novan trueton kun cifero, montranta la kvanton da miksoj. Stasjuk kuras tien, kie montete estas kunŝutita la gruzo, plirapidigas la ĉaretistojn, k la ĉaretoj, saltetante tra la gruzo, ŝutfalinta sur la podion, rapidas al la betonmiksilo. La kolĥozano Pogorelov alrulas pezan ĉaron k kun impeto renversinte en la bakilon, senpacience ĵetas rigardon al la nombrilo.

— Cent tridek! Hieraŭ estis malpli . . .

Li ekĝojas, sed tuj poste malsereniĝas: ĉiuj brigadoj, laborantaj apude, delonge superis la brigadon de Stasjuk, la brigado de Stasjuk estas la plej malprogresinta. Kial miri: ja „Barnaŭlanoj“! Pogorelov-on trafas ofendsento: li ja estas ne „Barnaŭlano“, sed kolĥozano. La ofendsento antaŭenpelas Pogorelov-on k li urĝante kurigas la ĉaron antaŭen.

— Streĉi necesas, knaboj!

La ĉaretoj pli rapide ruliĝas al la maŝino, k la betono brue fluas en la kavon. La plej malprogresinta! Stasjuk kuras tra la fronto de l'laboro, serĉante la kulpulojn. Liaj okuloj kaptas la maldiligentajn movojn de Ĵuravlov. „Ĉi tiu frue aŭ malfrue foriros. Necesas elekti homojn. Estu prefere malpli, sed firmaj homoj.“ La brigado puriĝis de nekorekteblaj „Barnaŭlanoj“: el tridek restis deksep. Sed Ĵuravlov-on oni povas dume lasi. Ni vidos poste . . .

— Stasjuk! La „lakto“ fuĝas!

Stasjuk flugas al la kavo. El la fendoj de l'tabulformoj ŝprucas verdeta betona „lakto“. Stasjuk rapide ŝtopas per stupo la truon, retenante la valoran likvaĵon. Sed la maŝino denove atendas la homojn: la ĉaretistoj ne sukcesas alruli la gruzon, kvankam nun la homoj jam laboras senlace, k eĉ la mallertmova Nikotin, kutimiĝinta en la mastrumo de sia onklo labori ne urĝante, komencas reatingi la rapidpiedan Pogorelov.

Ivanov, Leningrada laboristo, junkomunista 25-milulo[3] longe pririgardis, kio fariĝis ĉirkaŭ la betonmiksilo de Stasjuk. Observante la streĉitajn, ŝvitajn vizaĝojn de l'„stasjukanoj“, li komparis ilian laboron kun sia laboro en la fakoj de l'„Ruĝa aŭroro“, k eble nur ĉi-momente eksentis, kiel li estas necesa ĉi tie, sur la konstrutereno. La komjunula disciplino detiris Ivanov de l'studado k venigis lin, trans kvar milojn da kilometroj, al la konstruo de l'Kuznecka giganto. Sed Ivanov havas ankoraŭ duan disciplinon — de l'organizita laboro — ĉe maŝino. Ivanov konas la maŝinon. Male Stasjuk ekvidis la maŝinojn unuafoje.

Elŝoviĝinte sur la unuan lokon laŭ la terfosaj laboroj k superinte la elementon de l'tero per la elementa surpremo de l'homoj, li estis venkita ĉe la maŝino, k lia brigado montriĝis la plej malprogresinta. Tiam por helpo al la diligentaj „Stasjukanoj“ venis la komjunuloj. Ili deklaris patronecon super la brigado de Stasjuk. Ili decidis fari tiun ĉi brigadon la plej bona, transdoninte al ĝi la sperton de industriaj laboristoj.

— Devas estis tricent dek miksoj!

Tiu ĉi devizo ŝajnis al multaj sen-enhava.

— Ĉu kun „Barnaŭlanoj“ oni povas fari tricent dek?

— Certe, la entuziasmo estas evidenta, sed ja la maŝino ne povas fari pli ol tricent miksojn dum deĵoro! Tio estas skribita sur la pasporto de l'„Jeger“.

Ivanov ridetante interŝanĝis rigardon kun la inĝeniero-komjunulo Kreps.

— Ĉu oni ne povas revizi la pasporton?

Inĝeniero Kreps estas homo de praktiko.

— Necesas provi . . .

Kaj la provo komenciĝis . . .

Ivanov kun Kreps de la ponteto de l'maŝino elvidis tion, kion ne rimarkis Stasjuk. Ili rimarkis la mal-

[3] T. e. el 25-milpersona kontingento da varbitoj aŭ mobilizitoj (por plenumo de grava tasko).

ĝustan lokiĝon de l'homoj sur la sekcioj de l'laboro: ili deprenis iun de kanaleto, alian — de l'cementportado; alilokiginte la homojn ili plifortigis la decidan pozicion: la alporton de gruzo.

Nun la bakilo malplenis pli malofte. La rivero de l'betonmiksaĵo tuj pliintensiĝis k la maŝino pli k pli ofte glutis la gruzon. Sed ne estis ankoraŭ kreita torento en la laboro k la ĉaretoj iufoje prokrastiĝis survoje.

— Krei torenton! tricent dek miksojn!

Urĝe oni refaris la lukon arangînte ĉirkaŭvojon: la malplenaj ĉaretoj ruliĝis nun tra dua vojo, ne retenante la venigon de gruzo al la „Jeger". Kaj kiam, fine de l'deĵoro, la kojneto enpikis novan truon, tra la brigado ĝoje k agite traflugis:

— Ducent kvindek ses! Nur je du miksoj malpli ol Ĥarkovanoj. Reatingi ilin!

3.

Venis la decida tago.

La dudek sepan de majo la brigado devis superi la Ĥarkovanojn: la malprogresintaj „Ŝtasjukanoj" luktis por la tut-regna rekordo. La famo pri tio, ke la „Stasjukanoj" faris ducent kvindek ses miksojn, ekruliĝis tra la konstruejo. Ĉe la kavo komencis aperi multaj scivoluloj. — Ĉu vero? Ducent kvindek ses? — Kaj oni mirigite rigardis la „plej malprogresintan" brigadon.

Sed la brigado sin preparis por la batalo. El dek sep troviĝis nur unu — Ĵuravlov, kiu decidis aranĝi por si senlaboran tagon.

— Morgaŭ mi tutegale al laboro ne venos.

La brigado fiksis siajn leĝojn. Dek sep homoj leĝofaris por si k por la konstrulaboro, kiu ne povis atendi.

— Ĉiuj venu labori. Pro neveno — for el la brigado.

Ĵuravlov ne venis. Oni elĵetis lin, kiel oni elĵetas timulon el ĉenvico, marŝanta al atako.

Nokte antaŭ la decida lukto sur la konstru-tereno, trafosita de profundaj kavoj, tra la kurbaj relvojoj estis kuranta homo. Li ion serĉis en la labirinto de fabrikaj relvojoj. Tio estis Ivanov. Li serĉis la perdiĝintajn vagonojn kun cemento. Matene venos al laboro la brigado de Stasjuk. Ĝi devas labori sen prokrasto. Estas necesa cemento! Kaj al mateno la cemento jam estis apud la fundament-kavo.

*

Sur la ponteto apud la betonmiksilo staras Kreps. Li rigardas la horloĝon, premitan en la mano, k kalkulas la sekundojn. La sekundo estas mezurilo de l'ritmoj de la epoko. La rusa homo ne kutimas kalkuli la tempon laŭ sekundoj. Tiaj „rusaj homoj" sidas en la oficejo de meĥanikigo.

Hodiaŭ ili diris al Kreps:

— La mikso devas daŭri minimume du minutojn. Sekve la maksimuma produktokvanto de l'maŝino laŭ la pasporto estas tricent miksoj!

— K-do Kreps, ĉesu rigardi la horloĝon! Mi ne povas permesi al vi eksperimentojn en tiom respondeca afero. Du minutoj estas leĝo por betono.

Tiel diras ekscitite k kolere la senpera estro de Kreps, inĝeniero, gvidanta tiun ĉi konstru-sekcion. Kreps estas komjunulo k inĝeniero. Li scias senti ne nur maŝinon, sed ankaŭ la homojn. De l'ponteto de la betonmiksilo li vidas la streĉitajn muskolojn k la de l'vento taŭzitajn harojn de Pogorelov, rulanta la ĉareton al la maŝino, k de Nikotin, kuranta post li. La homoj antaŭiĝas la maŝinon. Jam pasas minutoj, kiam ĉe la bakilo staras atendante ĉaretistoj kun gruzo. Kontentaj pri sia venko, ili sarkasme moketas:

— Antaŭe la „Jeger" nin atendis, k nun ni atendas ĝin!

Kaj Stasjuk, deviŝante la betonan kaĉon sur la lipoj, ĝoje pensas:

— Oni antaŭiĝis la maŝinon.

Kreps vidas ankaŭ alian vizaĝon. Ĝi estas seka k teda:

— Forlasu la horloĝon, Kreps!

Sed Kreps ne povas forlasi la horloĝon. Li kalkulas la sekundojn, ŝparante ilin por la plirapidigo de l' ritmoj. Se la homoj atendas la maŝinon, tio estas nenormala. Necesas funkciigi la „Jeger" pli rapide. Kaj kiam la estro foriras, Kreps denove malpliigas la mikson ĝis $1^1/_2$ minutoj, — li volas igi la maŝinon fari kvarcent miksojn.

Betono, kiel griza lafo, ruliĝas tra la kanaleto k kun tondrobruo falas en la kavon. Al Pleŝov, staranta ĝisgenue en la betona solvaĵo, ŝajnas, ke la betono fluas desupre en seninterrompa strio; la betona maso, kreskante, levas lin supren, la kapo de Pleŝov montriĝas el la puto, k unuafoje post kvin horoj, Pleŝov vidas la bluantan, puran ĉielon.

— Cent sesdek miksoj dum kvin horoj! . . . Tricent dudek dum la deĵoro! Ho! — tiel flustras al si la kalkulon Pogorelov k, streĉante la fortojn, kuras kun la ĉareto por gruzo.

La nombro kreskas. Pli rapide laboras la fosiloj, ŝarĝante la ĉaretojn. Kiel seninterrompa torento fluas la betono en la kavon. Nikotin, peze levante la ŝarĝajn botojn, postkuras al Pogorelov, sed la malica ĉareto subite elŝiriĝante el la manoj de Nikotin, karakolas tra la terbenkego, trenante kun si ankaŭ Nikotin. Li surprizite kaptas la teron per manoj, svingas la piedojn en aero k, fine, ĉe la komuna ridego de l' brigado, konfuze elrampas sur la lukon.

Pogorelov laciĝis. La ĉemizo sur la dorso jam ne pufiĝas. La manoj jam ne tiom firme tiras la tenilon de l'duoble plipeziĝinta ĉareto. La laco persekutas lin. Sed kiam preterkurante la lignan tabulon, li vidas la kojneton rampanta supren, — liaj manoj pli forte kunpremas la pro ŝvito glitajn lignajn tenilojn; sin klininte per la tuta korpo super la ĉareton, li kurigas ĝin

al la maŝino, venkante la lacon. Pogorelov estas kolĥozano; li sekvigas post si la „Barnaŭlanojn“ tiel kiel li kutimas fari en la kolĥozo.

En tiu tago la brigado faris tricent dudek kvar miksojn, estiĝinte la plej bona brigado en la tuta konstruejo. Tiutage, observante la movadon de l'kojneto, la homoj (sin) korektis unu la alian, ne atendante la aperon de l'brigadgvidanto. Tiutage Lanin, altirinte kun si al la konstruejo trans la senhoman „tajgan“, tra cent dudek kilometroj, bovinon, k Moŝa, pensinta hieraŭ pri sia mastrumo en vilaĝo, k multaj aliaj unuafoje ne multobligis la kvanton da kubmetroj da betono per rubloj, — ili estis plenaj de ĝojo pri la granda venko.

La sekvantan tagon la brigado faris tricent kvardek kvin miksojn, altege superinte la Ĥarkovanojn[4] k hieraŭ la kojneto estis ŝovita en neaŭditan ciferon: ducent kvindek kvin dum duontago!

— Dum horo — kvardek unu miksoj. Dum dek — 410. Vi pravas, K-do Kreps!

*

La betono konsistas el unu ono da cemento k el ses onoj da gruzo. Tiu ĉi miksaĵo en la kavoj rigidiĝas je grizaj senpintaj piramidoj. Sur la piramidojn oni starigos kolonojn, sur la kolonoj kuŝos centtuna elektra levilo. Ĝi kuŝigos sur beton-kusenojn religmaŝinon pezanta 2500 tunojn. Tra la cilindroj de l' relig-maŝino glitos fajra serpento k malvarmiĝos en la formo de blueta sonanta relo. Ĝi estos la unua Kuznecka relo . . .

La brigado de Stasjuk konsistas el unu ono da proleta cemento k el ses onoj da kampula gruzo. En la brigado tiuj homoj kunfandiĝis je kolektivo, cementita de l'organiziteco k disciplino de konscia laboro. Sur tiun brigadon oni povas sentime, kiel sur betonŝuon, verŝitan de l'Stasjuka brigado, sin apogi por la konstruo.

— Fari betonon k fari novajn konstruistojn de socialismo.

— Krei la Kuzneckan fabrikon k krei novajn potencajn proletajn vicojn.

Tion mi tralegis en la okuloj de l'ĉiam serioza Kreps k de l'ĉiam maltrankvila Ivanov.

— Kaj ankaŭ la „Barnaŭlanoj“ povas . . . — estas aŭdebla la fiera, iomete kovrita de gajo, voĉo el amaso da kapoj, ĝue kuŝantaj sur la maldensa herbo, finvivinta siajn lastajn tagojn sur la tereno de l'Kuzneck-konstruo.

. . . Estis herbo — estos metalo.

Tereno de l'Kuzneck-konstruo. 3. majo 1931.

Trad. V. Kolĉinski.

# AL FRATO

A. RAJZEN

*La ĉielo kolerplena,*
*La ventego malkvieta,*
*Ho, kie frat', troviĝas vi,*
*Forgesita, forlasita?*

2. *Kien estas vi vaginta,*
*En kiu urb' vi de l' mond' id',*
*Posedas vi loĝejeton,*
*Estas ĉe vi almenaŭ lit'?*

3. *Ja kiam mi sur la ĉiel'*
*Ekrimarkas nubojn ŝvebi,*
*Tuj certas mi pri via viv',*
*Vidas vin mi vane strebi.*

4. *Penetras min en orelon*
*La sonegoj de la ventoj,*
*Fandiĝas, frat', en mia kor'*
*Via ĉagren', via dolor'.*

El la juda lingvo trad. S. *Gutermann.*

[4] La konstruistoj de l'Kuznecka metalurgia fabriko, Magnitogorska metal. fabriko k Ĥarkova traktorfabriko aranĝis inter si socialisman konkuron. En mezo de junio 1931 Ĥarkovaj konstruistoj (brigado de Marusin) estis la triumfantoj, atinginte la rekordan ciferon de 543 betonmiksoj dum labortago. Post kelkaj tagoj ilin superis konstruistoj de Lagrofabriko en Moskvo. Sed tiam atakbataliono de junaj konstruistoj ĉe la Ĥarkova Traktorf. atingis tutmondan super-rekordon, farinte dum labortago per maŝino „Kaiser“ 801 betonmiksojn. (Trad.)

# LA GLITKUREJO

K. TH. V. D. HORST.

EL la interno de Afriko Ramadden estis veninta Nederlandon. Li ne havis feliĉon. Severe vintris, k liaj grandaj blankaj dentoj klakis pro la malvarmo, kiu tiel subite k strange estis trafinta lin ĉi tie.

La malhela giganto estis ricevinta permeson de sia sinjoro, sekvi lin al Nederlando, k ĉi lasta ofte instigis lin esti en mia proksimo. Logite pro la fremdo, mi baldaŭ estis stariginta ian amikecon kun li, tiel ke plaĉis al mi promeni kun li laŭ la neĝkovritaj vojoj. Tiam ni klopodis, esplori la spiriton de la alia, uzante por tio lingvaĵon kiun ni nomis angla. Tio estis malfacila por ni, sed lia gajo k bonvolo ŝajnis neniigi ĉiujn malhelpojn de la reciproka nekompreno.

Dum li flanke de mi promenadis, io neevitebla okazis: Subita eksalta movo de mia nigra kamarado, ega svingiĝo posten, kiel la komenco de sovaĝa negra danco; tiam mi etendis la manon al li por restarigi lin. Ramadden estis havinta sian unuan interkonatiĝon kun glaciiĝinta pluvo sur la vojo.

Ĝi estis sufiĉe doloriga falo, tamen lia buŝo malfermiĝis por larĝa rido . . .



„Ĉu vi neniam falas pro tio?“ li demandis al mi.

„Tamen, ni ankaŭ, se ni ne atentas. Sed morgaŭ ni kune iros foje al la glitkurejo. Tio estas granda akvaĵo, kies supro tute glaciiĝis. Mi volas utiligi la okazon por ankoraŭfoje glitkuri.“

„Skating?“[1] Tion mi devis pli detale klarigi al li, k kiam mi diris al li, ke sur tiu glata glitkurejo, en gaja, vigla humoro, centoj da homoj svarmas, sur mallarĝaj sub la piedoj ligitaj ferpecoj, ĉiu laŭ sia kordeziro etendante la krurojn en sia propra maniero, tiam li puŝetis min, k el movo de lia nigra kapo mi devis ekkoni penson lian: tiel kredema mi ne estas!

Kiam mi la sekvantan tagon kun Ramadden alvenis la glitkurejon k li vidis la svarmantan amason ondadante lin preterpasi, li miregis pri la fakto, ke nur tre malofte unu kolizias kun alia. Jes, nur kelkajn fojojn li tamen vidis ĝin, k estis eĉ unu, kiu pro la kolizio ekfalis dorsen, same kiel okazis al li mem hieraŭ, sed tio estis lia propra kulpo. Sed ĉi tie lia miro atingis sian kulminon, kiam li observis, ke tiu, kiu falis, ne koleriĝas pro tio. La du glitkurantoj eĉ ride rigardis sin reciproke, kiam unu estis levinta la alian.

Ramadden ne kuraĝis suriri la glitkurejon, timante, ke oni kuros kontraŭ lin, k tremetante restis ĉe la bordo sur la herbejo, sed solece li partoprenis la ĝojon pri la agrabla ĝenerala animstato en tiu libera, multkolora homturniĝado.

Kiam ni kune reiris urben, mi demandis lin: „Nu, Ramadden, kian impreson vi nun konservis pri la glitkurejo?“

„Ke en la libero ĉiuj homoj estas fratoj!“

Ĉi semajne mi denove renkontis indiĝenon, sed li estis blankulo, kies lulilo staris en la mezo de Nederlando. Tian, kian ni ofte renkontas.

Kvankam ne jam burĝo, tamen burĝema, sed ĉiukaze ordema, deca ŝtatano.

Tuj pri ĉiuj temoj samtempe. Hitler, Matuŝka II[2], Ĉinio k la komunistoj. Kiam mi antaŭprezentis al Ramadden la belegaĵojn de la glitkurejo, li ne estis rigardinta min tiel stulte mirigite k nekrede kiel ĉi tiu blankulo, kiam mi indikis al li kiel la savilon de la homaro, detruon de la kapitalismo k ŝtata aŭtoritato, rompadon de la katenoj de ŝtata servuto k honorigon de la libera homa personeco.

Certe li ĉiam estis rigardinta ankaŭ min kiel ordeman burĝon k kapskuante li eldiris, kion ĉiuj bonaj burĝoj opinias, ke sen registaro ĉio ruiniĝos.

„Sen registaro ĉiu mortigus la aliajn, k ekz. tiu Matuŝka II, kiu apud Amsterdamo metas trabon trans la relojn. Se do ne ekzistus registaro, kiu sendas siajn ulojn por kapti tiun krimulon . . . “

„Al tiu Matuŝka II mi ankaŭ volus diri, ke li prefere ne faru tiajn sensencaĵojn. Sed la registaroj la kompetentaj institucioj por malhelpi, puni tiajn agojn? La registaroj, laŭ kies ordono la patroloj sin ekzercas en detruo k embusko, tiel ke en militotempo oni povas irigi ĉi tiujn por disrompi la relojn, trans kiujn alveturas la malamika vagonaro, tiel (se dio volas esti kun ni) malsuprenfaligonte ĝin? La registaroj, la ordoncertiganta aŭtoritato?“

„Jes, se vi tiel . . . “

„Kaj plue, tiuj mortigoj, se ne estus registaro. Pri la milionoj da mortigoj laŭ ordono de la registaroj faritaj en la milito, ni eĉ ne parolos; ŝajnas, ke vi k viaj kunuloj ne kalkulas tiujn. Sed ĉu vi mem ankaŭ tuj ekmortigus, kiam la ŝtata aŭtoritato nuliĝus?“

„Ne, tute ne, por tio vi sufiĉe bone konas min, sed kiam la malsatuloj liberiĝos . . . “

„La malsatuloj, mia amiko, deziras manĝaĵojn, k da ili ekzistas abundo. Kaj se tiam ne estos ŝtata aŭtoritato, kiu, kiel nun, malhelpas ilin kvietigi la malsaton, malhelpas ŝirmi sin kontraŭ la malvarmo, havigante al si vestaĵojn, pro kiuj krevas la magazenoj, malhelpas elekti al si sekuran loĝejon en la kamparaj luksdomoj, kiuj multope staras malplenaj, de kie do venus la mortigemo?“

„Se ĉiu tiel povus agi laŭplaĉe, regus do senlima malordo. Ĉiu kolizius kun la alia. Necesas simple por la homoj la aŭtoritato por bridi k konduki ilin. Ke vi tion ne komprenas!“

Tiam mi ekmemoris pri la diro de Ramadden.

„Ĉu vi vidas tiun flagon sur la glitkurejo? Ĝi estas malfermita. Foje rigardu ĝin tuj. Tiam vi vidos, kiel la homoj sen perforto scias harmonii. Kiel la libero kvazaŭ inspiras al ili novan vivon, kiel ili, ĉiu agante laŭ propra maniero, mi preskaŭ dirus de nenia aŭ-

[1] Angle, signifas: glitkurado. — *Trad.*

[2] Nederlandano, kiu provis imiti Matuŝka-n, k jam sendis minacleterojn subskribitajn per Matuŝka II. — *Trad.*

toritato malhelpate, scias interrilati en plena harmonio k viglo."

„Sed la glitkurejo ekzistas por nia plezuro!"

„Tia ankaŭ devas fariĝi la socio. Sed ĉi tie estas du kurejobalaistoj, kiuj ĵetas la balailon antaŭ la piedojn de la mizeruloj: la aŭtoritato k la privatposedaĵo."

La socio — glitkurejo? Nenia similaĵo! Sed la viglo, la harmonio de la glitkurejo same bone travibrus la socion, se nur plenumiĝus la kondiĉo pri libero por ĉiu individuo.

La glitkurejo malferma por ĉiu ano. La ĝojo de la glitkurado por ĉiu ano, tiom kiom li volas. Kaj ni vidos la sanigan efikon de la libero sur la konduton de la tuto. Nenie pli libera, pli varia, pli viva amaso k tamen nenie pli granda ordo k pacamo.

La posedajn rilatojn k la perfortmetodojn de la socio transigu al la glitkurejo: for la ordo, for la ĝojo.

La socio, glitkurejo por la klaso de la privilegiitoj. La neposedanto, li estas forpelata de la glitkurejo, al la malfortaj lokoj, kie li povas droni mizere. La balaistoj, ĉi tie ne provizitaj per balailoj, sed per gumbastonoj, gardestaras por malhelpi, ke la plezuroj de la glitkurejoposedantoj ne estu perturbataj de mizeruloj, kiuj ne povas pagi kotizon k tamen ankaŭ volus havigi al si iom da plezuro sur la socia glitkurejo.

Kiel longe ankoraŭ restos tiu granda armeo el subprematoj staranta k tremetanta antaŭ la barilo, la glitilojn en la mano? Kiam ĝi fiksos la ruĝan flagon k malfermos la kurejon por ĉiuj?

Tradukis el „Libera Socialisto" (Zandvoort) *Jan Suk.*



# MOSKVO EN FESTA PARADO



1. majo 1932. La tuta urbego prezentas solenan aspekton. En ĉiuj eblaj lokoj estas pendigitaj ruĝaj ornamaĵoj, flagoj, afiŝegoj kun devizoj admonantaj. Grandaj konstruoj estas bele lumsurverŝitaj k liveras dum la nokto impresoplenan spektaklon. La maro de la ruĝo inundis la urbon. La enhavo de l'afiŝegoj resumas niajn plej gravajn proksimajn taskojn. Ilia ĉiam ripetata ĉefsignalo estas: *Konstruadu!*

Bela estas la unua tago de majo. La suno brilas hele k karesas per siaj radioj la nenombreblajn homajn amasojn. Hodiaŭ renkontiĝas marŝe sur la stratoj 1 500 000 homoj. Kiel kutime, la centra punkto de l' manifestacio estas la *Ruĝa Placo* impone enkadrita de la Kremlo. Tien ĵetiĝas en la matenaj horoj la tuta oceano da manifestaciantoj, antaŭita de la Ruĝa Armeo, potenca en sia disciplino k laŭ sia nombro. Laŭ kelkaj riveroj dividite, la homfluoj verŝiĝas sur la placon, salutas aklame la gvidantojn de la regno, kiuj staras ĉiuj sur la tribuno de la Lenin-maŭzoleo.

La festotago tra la okulvitroj de partoprenintoSupre en la ĉielo zumegas la ruĝa flugilaro k ĉies okuloj admire sekvas la lertajn prezentaĵojn de l'aviadistoj.

Antaŭ ni marŝas laboristoj k ree laboristoj, senfinaj kolonoj, infanoj ankaŭ, gejunuloj, K-doj el malproksimaj partoj de nia granda lando. Ĉu estas forgeseblaj tiaj bildoj de potenco k plenforto, kiuj disvolviĝas antaŭ nia rigardo?

Kaj sub la variaj impresoj forflugas la horoj kiel mallonga momento. Jam malleviĝas la suno okcidenten k ĉiuj kluboj k teatroj preparas sin por akcepti ĝojajn homojn en solenaj popolaj kunvenoj. Mi ĉeestas tian en la Domo de l'Registaro. Oni elektas laboristojn kiel prezidantaron. Parolas K-do Semaŝko kiel unua; lin anstataŭas germana K-do. Kion li havas por diri al ni, ĉi tiu K-do, kiu venis el sia lando ĉi tien por labori k studi kun ni? Aŭdu liajn ardajn parolojn:

„Dum nia tuta vivo ni ne travivis tian fortan impreson, kian donis al ni la hodiaŭa vidaĵo! En niaj landoj la polico persekutas hodiaŭ la revoluciajn laboristojn. Ĉi tie la bildo estas tiom diferenca! Ni vidis, kiel ruĝarmeanoj k milicanoj helpis ornami domojn por la unuamaja festo. Do la reg-organoj mem, armeo k milico, agas por la laboristaro k ne kontraŭ ilin, kiel ĉe ni. Via konstrua laboro entuziasmigas k revoluciigas per la modela ekzemplo la proletaron de l'aliaj landoj. Kaj ni, eksterlandaj laboristoj, solene promesas al vi, ke ni subtenos vin en via batalo. . ."

Forsonis la vortoj, sed ilia eĥo restas funde ĉe nia koro. *Moskvano.*

# La Kanto pri la Ĉemizo.

*KUN laca malgrasa manet',*
*Kun brulruĝiĝinta okul'*
*Virino sidanta en aĉa ĉambret'*
*Puŝadas kudrilon tra tol' :*
*Pik' – Pik' – Pik' –*
*Ŝin ege turmentas la ftiz'.*
*Malsata, lacega, ĉifone vestita*
*Ŝi kantas la kanton pri la ĉemiz'.*

*Penu, servutu sen ĉes'*
*Kiam leviĝas la sun'!*
*Penu, laboru sen ĉes'*
*Vespere ĉe l' brilo de l' lun'!*
*La mor' de sovaĝa nomad'*
*Estas humana eĉ pli*
*Ol la fripona kruela agad'*
*De ĉi tiu kristana soci'.*

*Nur laboregu sen ĉes'*
*Ĝis vi blindiĝos je l' fin'!*
*Agu, laboru! La Mort'*
*Ekliberigos vin!*
*Punto, rubando, border' –*
*Bordero, punto, ruband' –*
*Vi falas en dormon k kudras plu*
*Ĉemizojn en la sonĝland'.*

*Ĉu ho, riĉulo, via edzin'*
*Hodiaŭ bele ornamas sin?*
*Ne blankan tolon konsumas ŝi,*
*Sed vivon k korpon de laboristin'!*
*Pik' – Pik' – Pik' –*
*Nur ne malhelpu min ftiz'!*
*Malsata, malpura, ĉifone vestita*
*Mi kudras je ies mortoĉemiz'.*

*Malbona ne estas la mort' –*
*Ĝi estas la fin' de l'sufer'.*
*Malbonaj estas turmenta malsat'*
*Kaj vivo en la mizer'!*
*Ho, se vi malsatas estante sen pan'*
*Demando brulegas en via spirit':*
*Ho, kial nur tiom kara la pan'*
*Kaj tiom malkara la sanga homŝvit'?*

*Ĉiam rapida la man'!*
*Jen aĉa lito kun putra pajl',*
*Ĉifonoj malkaraj k krusto da pan'*
*Por mia laboro salajr'.*
*Mizera tablaĉ' k kripla seĝet',*
*Mucida, malseka la ĉel',*
*La lumo venanta el ŝakta kortet'*
*Nur vane batalas kontraŭ malhel'.*

*Penu, servutu sen ĉes'*
*Dum horo pasas post hor'!*
*Servutu kiel krimul'*
*Punata per peza labor'!*
*Punto, bordero, ruband' –*
*Rubando, punto, border' –*
*Penu, servutu sen ĉes'*
*Ĝis vin ekkovros la ter'!*

*Penu, laboru sen ĉes'*
*En vintre malvarma vesper'!*
*Penu, laboru sen ĉes'*
*Ŝvitante en varma somer'!*
*Laboru dum en printemp'*
*Eksteren logas la sun'!*
*Laboru kiam la lasta frukt'*
*Maturas jam en aŭtun'!*

*Ho, unu fojon en printemp'*
*Kolekti florojn nur!*
*Promeni foje en hela sunlum'*
*En bela libera natur'!*
*Por unu horo nur*
*Revenu al mi la sent'*
*Rabita de mi dum infanec'*
*Per l' unua malsatoturment'!*

*Ho, unu horon nur!*
*Mallonga eĉ estu ĝi!*
*Sed ve! Ankaŭ tiu tirana kudril'*
*Ne lasas liberon al mi!*
*Ho, plori, plori volus mi!*
*Sed ne, silentu, ho kor'!*
*Car ĉiu larmo malhelpas min*
*Progresi en mia labor'.*

*Kun laca, malgrasa manet',*
*Kun brulruĝiĝinta okul'*
*Virino sidanta en aĉa ĉambret'*
*Puŝadas kudrilon tra tol'.*
*Pik' – Pik' – Pik' –*
*Ŝin ege turmentas la ftiz'.*
*Lacega, malsata kantadas ŝi.*
*Atingu riĉulojn ĉi tiu vekri'!*
*Ŝi kantas la kanton pri la ĉemiz'.*

**Verkita de T. Hud (Hood) en 1841. El la angla lingvo reproduktita en esperanto de H. Weinhengst (1931).**

**En la kristnaska numero de la satira Londona revuo „Punch or the London Charivari“, en 1841, aperis la poemo *The song of the shirt* (La kanto pri la ĉemizo) de Tomaso Hud (Hood). Ĉi tiu kanto, unu el la plej kortuŝaj de la socia mondliteraturo, akiris siatempe senekzemplan famon. Ĉiuj gazetoj represis ĝin, sur ĉiuj stratanguloj oni vendis ilustritajn foliojn kun la versaĵo k oni presis k kudris la belajn strofojn sur tukoj k kusenoj ktp. Eĉ politikan signifon atingis la poemo: Ĝi estis kiel dokumento almetata al parlamentaj aktoj pri protekta leĝo por hejmlaboristinoj. Ĝi estis tradukata en ĉiujn eŭropajn lingvojn. La poeto mortis en granda mizero, sed sur lian tomboŝtonon skribis dankema Anglio: „Li kantis la Kanton pri la Ĉemizo“. – *La trad.***

# Nederlanda pentristo

Johano Sten (Jan Steen) k liaj verkoj.

KONATA k fama pentristo el la skolo de la nederlanda pentro-arto de la 17-a jarcento estas Joh. Sten (Jan Steen).

Li naskiĝis en 1626 en Lejden (Leiden) k mortis tie en 1679. Multajn detalojn pri lia vivo oni ne scias. En 1646 li estis enskribita kiel studento pri literaturo ĉe la universitato en Lejden. Li edziĝis kun filino de la pentristo J. J. van Gojen (Goyen). Krom en Lejden li loĝis kelkan tempon en Hago (s' Gravenhage) k Harlem (Haarlem).

Laŭ iaj diroj Sten estis drinkulo k diboĉulo. Sendube lia vivkonduto ne estis imitinda. Ekzistas en nederlanda lingvo popoldiraĵo, kiu rilatas malfavore al la dommastrumo de Sten. El ĝi oni povas konkludi, ke en lia hejmo ne ĉio estis bonorda k modela, kion oni cetere ankaŭ povas vidi sur de li mem farita pentro. Estas certe, ke Sten tre ŝatis vinon, bonvivon k amuzon. En la trinkejo — li eĉ estis kelkan tempon mem posedanto de trinkejo — li estis ofta gasto. Pli ol unufoje li estis en financaj malfacilaĵoj. Eble tio devigis lin pentri tiom multe. Sed ŝajnas tamen, ke iu daŭre drinkanta k diboĉanta ne povus esti kreinta tiajn belajn k majstrajn verkojn.

Sten speguligas en siaj verkoj detalan kompletan bildon pri ĉiuj popolklasoj de sia epoko. Li estas genia pentristo de karakteroj k moroj, kiel neniu alia. Liaj pentroj montras al ni la vivon de niaj prapatroj en la 17-a jarcento multflanke k precize.

Li observis la okazantaĵojn de la ĉiutaga vivo kun eksterordinare akra vido k bildigis ilin kun granda majstreco. Lia iom frivola k kruda vivmaniero, kiu igis lin ofte restadi en trinkejoj ktp, konatigis lin kun homoj ĉiuspecaj. La elegantan sinjorinon li konas tiel bone, kiel la virinon de la strato, la grandsinjoron same bone, kiel la krudan, necivilizitan vilaĝanon. La bildigo de ĉi ĉiuj figuroj konigas Sten kiel pentriston kun nekredeble forta percepto-povo, kiu sukcesas kunligi la plej grandajn precizon k multflankecon kun kruda k kelkfoje eĉ petola humoro.

La plej de li ŝatata temo estas scenoj el la vivo de la meza k malalta burĝaro. Majstro li estas en la pentrado de grandaj figurgrupoj, kiel edziĝofestoj, vilaĝkermesoj k similaj. Ĉiu figuro aparte estas malgranda majstra verko. Li pentras 30 ĝis 40 da ili en unu pentraĵo k koncentrigas sian tutan artpovon je ĉiu aparta figuro.

Ofte li donas al siaj pentroj ian moralan tendencon, aŭ ilustras per ili ian proverbon aŭ ĝeneralan diraĵon. Li ŝatas moketi k ridindigi la kutimojn de siaj samtempuloj. Ĉi tio klarigas iom la ŝajnajn krudon k maldelikaton de kelkaj el liaj bildoj.

Ankaŭ bibliajn historiojn li pentris. Sed li ĉiam transmetas ĉi tiujn en al li konatan medion. Liaj herooj k sanktuloj el la biblio estas kvazaŭ liaj kunuloj k samtempuloj. Liaj „Edziĝofesto en Kana'o" k „Perfido de Delila" ekzemple malhavas kian ajn etikan tendencon. Ili estas pritraktitaj de li kvazaŭ okazintaĵoj en trinkejĉambro!



Malgraŭ la malofteco de lia talento la artvaloro de la pentroj de Sten estas tre neegala. Multaj ne estas tute finfaritaj. Ĉar ĉi tiuj ne datiĝas nur el liaj lastaj jaroj, sed el ĉiuj periodoj de lia laborado, oni devas supozi, ke ĉi tion kaŭzis lia neregula, ofte ŝanĝiĝanta vivmaniero.

Sten produktis pli ol 600 pentrojn, nun disportitaj tra la tuta mondo. En la ĉefaj muzeoj de la mondo ĉi tiu pentristo estas reprezentita. Kelkaj el liaj plej famaj bildoj estas „Sankta-Nikolao-festo", „Malsana sinjorino" k „Post la trinkado".

*Kompil-tradukis G. P. de Bruin.*

## Antaŭ cent jaroj

# Gete (Goethe) pri tendenc-verkistoj

Lau Ekerman (Eckermann): Interparoloj kun Gete.

*La demando pri tendenca verkado estas ja tre aktuala k nesolvita. Ne farante mem komentojn nek donante propran juĝon, ni konstatas simple, ke ekzistas du tendaroj: pledantoj por k kontraŭ tendenca arto k literaturo. Ni nur bezonas memorigi pri la moderna sovetia poezio (Majakovski, Bezimenski k.a.) por trovi okulfrapan ekzemplon pri grandskala kulturado de tendenca arto k literaturo.*

*Tradukante k prezentante la sekvantajn eldirojn de la maljuna Gete, ni opinias fari utilan laboron; tiuj linioj ŝajnas al ni el multaj vidpunktoj interesaj por la legantoj de „LNE", ne laste pro tio, ke la temo pri patriotismo estas tuŝita en ili.*

Marto 1932.

Ni parolis pri la tragika sort-ideo de la grekoj.

„Tiaaĵoj, diris Gete, ne plu estas konformaj al nia nuna pensmaniero, ili arkaiĝis, k precipe kontraŭas niajn religiajn konceptojn. Se moderna poeto prilaboras tiajn pli fruajn ideojn por teatraĵo, ĝi aspektas ĉiam kiel speco de afekto. Estas vestaĵo, kiu tute malmodiĝis, k kiu al ni, kiel la romana togo, ne plu konvenas."

„Ni pli modernaj diras nun pli bone kun Napoleono: ‚la *politiko* estas la sorto.' Sed ni gardu nin diri kun niaj plej modernaj literaturistoj, ke la politiko estas la *poezio*, aŭ ke ĝi estas taŭga objekto por la poeto. La angla poeto Tomzn (Thomson) verkis tre

bonan poemon pri la sezonoj, sed tre malbonan pri la Libero; k sciu, ne pro manko de poezio en la poeto, sed pro manko de poezio en la objekto."

„Tuj kiam poeto volas agadi politike, li devas sin dediĉi al partio; k tuj kiam li faras tion, li estas perdita kiel poeto; li devas adiaŭi sian liberan pensadon, sian objektivan alrigardon, k male meti sur la kapon la ĉapon de l'ortodokso k de l'fanatika malamo."

„La poeto amos kiel homo k civitano sian patrion, sed la patrio de liaj *poetaj* fortoj k de lia poeta agado estas la bono, noblo k belo, kiu estas ligita al nenia difinita provinco k nenia difinita lando, k kiun li ekkaptas k formas, kie ajn li ĝin trovas. Li similas en tio la aglon, kiu flugpendas kun libera rigardo super landoj, k al kiu indiferentas, ĉu la leporo, sur kiun ĝi sin ekjetas, kuras en Prusio aŭ en Saksio."

„Kaj kion do signifas: ami sian patrion, k kion do signifas: agi patriote? Se poeto dum tuta vivo klopodadis kontraŭbatali malutilajn antaŭjuĝojn, forigi ortodoksajn opiniojn, raciigi la spiriton de sia popolo, purigi ties guston, k plinobligi ĝian sent- k pensmanieron, kion do pli bonan li faru? k kiel do li agadu pli patriote? — Fari al poeto tiel malkonvenajn k maldankajn postulojn, tio estus same kvazaŭ oni volus postuli de regimentestro: li devas, por esti vera patrioto, implikiĝi en politikaj reformoj k pro tio malzorgi sian elementan profesion. Sed la patrio de regimentestro estas lia *regimento*, k li estos tute bona patrioto, se li konsideras politikajn aferojn nur tiom, kiom ili koncernas lin, k se li aliflanke direktas sian tutan pensadon k sian tutan zorgadon al la batalionoj al li submetitaj, k provas tiel bone ilin ekzercadi k konservi en bona disciplino k ordo, ke ili, se la patrio iam estos en danĝero, kiel bravaj homoj faros sian devon."

„Mi malamas ĉian ĉarlatanecon kiel la pekon, sed precipe la ĉarlatanecon en ŝtataferoj, el kio por miloj k milionoj estiĝas nenio ol malbonego."

„Vi scias, mi ĝenerale malmulte atentas pri tio, kio estas skribata pri mi, sed mi tamen ekscias pri ĝi, k mi scias tre bone, ke kvankam mi penegis dum mia tuta vivo, mia tuta agado en la okuloj de iuj homoj estas konsiderata kiel nenio, ĝuste ĉar mi malkonsentis enmiksiĝi en partipolitikaĵoj. Por kontentigi tiujn ĉi homojn, mi devus fariĝi membro de jakobina klubo k prediki murdon k sangelverŝon! — Sed nenian vorton plu pri tiu ĉi malbona objekto, por ke mi ne malsaĝiĝu kontraŭbatalante la malsaĝon."

Same Gete riproĉis la de la aliaj tiom laŭdatan politikan tendencon de Uland (Uhland)[1]. „Atentu, li diris, la politikisto forkonsumos la poeton. Esti membro de l'parlamento k vivi en ĉiutagaj kunpuŝiĝoj k ekscitiĝoj, tio ne decas por la delikata naturo de poeto. Lia kanto ĉesos, k tio estas iel bedaŭrinda. Ŝvablando[2] posedas sufiĉe da viroj, kiuj estas sufiĉe instruitaj, bonvolemaj, kapablaj k elokventaj por esti parlamentano, sed ĝi havas nur unu poeton el la speco de Uland."

*Tradukis el la germana N. B.*

[1] *Uland* (1787—1862), lirika poeto, kiu faris multajn patriotajn versaĵojn; demokrato celanta unuiĝon de l'germaniaj ŝtatoj.
[2] Sudgermana regiono (en nuna Virtembergo).

La arto estas — k ĉiam estis — ia provo de sintezo el aparta subjektiveco k el universala scienca logiko.




## Filmreklamo

La kapitalismo ekkonis sufiĉe frue, ke la filmo estas valora ilo por reklami pri „avantaĝoj k utiloj" de l'nuna sociordo. La plej multaj filmoj ja efikas en tiu direkto, ĉu ili estas socienhavaj aŭ dokumentaj, celante reliefigi la valorojn de la reganta sistemo. Malgrandaj reklamfilmoj pri tiu aŭ alia varo estis ankaŭ jam delonge produktitaj k prezentitaj al la publiko en alloga formo.

Sed jen mi havis okazon vidi longan (pli ol horon daŭrantan) reklamfilmon faritan de granda germania industria entrepreno, *Henkel k Kio*, lavpulvora fabriko de grandega amplekso, kiu produktas la mondkonatan markon „Persil". La bildoj de l'fabriko, ekipita per modernaj instaloj, kiuj estis fotitaj komprenеble el favora angulo k sub trafa aspekto, agrable surprizas la laikan okulon. Kun la filmaktoroj oni vizitas la fabrikejojn, kontrolas la produktoprocezon, vidas la higienajn aranĝojn por la laboristoj, admiras propran naĝbasenon por la dungitoj, sportterenon, kuracejon, konsilejon por patrinoj, kurac-esplorejon por infanoj ktp.

Mi memoris, vidante tiun filmon, la sovetiajn propagandfilmojn, kiuj montras la kreskadon de l'tiea industrio k porlaboristajn aranĝojn, k konfesas, ke per similaj filmoj kiel la supra la privatkapitalismo defendas sin efike. Malpli la filmo mem ol la akompananta parolado akcentas la celon. La oratoro, iu propagandĉefo de la firmo, asertas aplombe, ke ĉe Henkel k Kio ne ekzistas kvereloj, ke laboristoj k mastroj ĉiuj kunlaboradas harmonie, k ke ĝuste pro tiu fakto la firmo eĉ en la nuna mizertempo prosperas! Fakto estas, ke dum multaj firmoj fiaskis k bankrotadas ankoraŭ plue multnombraj, ĉi tiu firmo prosperadas k elspezas daŭre milionojn da markoj reklamcele. Ĝi okupas sume ĉ. 45 mil personojn (laboristoj, oficistoj, reprezentantoj).

En tiu filmo prezentas sin bonkonataj aktoroj, kiuj ne ŝparas banalajn laŭdojn pri la kapitalista entrepreno. La parolanto, emfazante kiel modelan tiun firmon, ĉe kiu laŭdire ne okazas laborkonfliktoj, pliĝeneraligis sian penson, agordante la *nacian* kordon, tre laŭtsonantan nuntempe; li parolis pri „sortkomuneco" de l'germanoj k neceso de labor-komuneco . . . La konata muziko!

La filmo estis prezentata al ĉiuj loĝantoj de grandurbo senpage; la invitiloj estis distribuataj laŭdistrikte, tiel ke po tago ĉiuj loĝantoj el difinita kvartalo povis vidi ĝin. — Tiel la kapitalismo laboras hodiaŭ en Germanio. La publiko, ĉefe hejmmastrumantinoj, aplaŭdas varme! ? ?

*N. B.*

## Vorton pri „Tragedio en la Minejo" (G. W. Pabst)[1]

Mi vidis supran filmon en Germanio sub la titolo „Kamaradeco". Tre ĝustan opinion donis en la 1-a kajero K-do N. B., sed pri io grava la skribinto ne atentis: En la komenco de la filmo la laboristoj, prezentataj kun sulkoplenaj vangoj, antaŭenŝovitaj makzeloj, impresis min pli similaj al bestoj ol al homoj; kvazaŭ maŝinoj, homoj sen esprimplenaj vizaĝoj. Aliparte oni prezentis laboristojn en ilia abomeno, kiel burleskulojn (maldecaj rigardoj en la dancejo, naŭzaj dancoj, biero, knabinoj ne konsciantaj, ke ili havas pli da valoro ol esti konsiderataj nur kiel peco da karno); ili serĉas amuzon per stultigaj rimedoj anstataŭ distri sin en familia rondo, naturo, ĉe geamikoj (se por legado la laco estas tro granda).

Kvankam mi komprenas la emocion de l'virinoj k estas malamika al policisto k soldatoj, mi malaprobas la sintenon de tiuj, kiuj volas senlogike trarompi la polickordonon por trafi la ejon de l'katastrofo. Ili aspektas kiel senbrida amaso k kondutas kiel idiotoj. Tiurilate la filmo montras senrespondecan agadon; se tio okazus simile ĉe grandaj ŝtatrenversoj, la sukceso estus duba! Ankaŭ en Germanio oni ne prezentis la scenon, kiam oni venigas la soldataron. La fino de l'filmo estas iom ŝerca. Nia taskо estas zorgi, ke oni estonte ne plu prezentu, kiel supre, la laboristaron!

*Truus Vreeswijk.*

[1] Vd. saman rubrikon lastnumere. Ni resumis ĉi-supran artikoleton. — *Red.*



# LA PAĜO DE L'FILOZOFO

## Dogmo k vero

La filozofio estas sendube la kampo, sur kiu regas plej da konfuzo; la moralaj k psikologiaj problemoj, speciale, estas pretekstoj por nekontrolitaj asertoj, por senbazaj konstruoj; principoj samtempe akiritaj k demonstritaj estas denove pridiskutataj sen alia akceptebla motivo ol nedaŭra fantazio de iu persono.

Por kelkiuj, tiuj fenomenoj estas simptomoj de dekadenco. Sufiĉas nur ilin konstati k pro tio ĝoji, tial ke ili estas nova pruvo pri baldaŭa socia transformiĝo. Tamen la dissolviĝo, kiun ni konstatas, ne estas nur pura k simpla dekadenco de klaso. Kaj plie, ĉu estas trafe seninteresiĝi pri tia situacio?

La fenomeno fakte estas pli malsimpla k ĝi ne nur tuŝas la reprezentantojn de filozofio pli malpli oficiala, sed ankaŭ tiujn, kiuj pretendas paroli en la nomo de l'proletaro k esprimi la revolucian penson. Pro tio ni opinias necese indiki, kiel oni povas aliigi tiun staton.

Unue ni diru, ke neniel temas aserti dogmojn, „konstrui" filozofian sistemon. Se, kiel opiniis la antikva Heraklito, k kiel tion konfirmas la socia scienco, la modernaj fiziko k la biologio, se naturo k socio devas esti konsiderataj kiel procezo en senĉesa evoluado, se, en ĝia plej ĝenerala elmontriĝo la realaĵo sin prezentas al ni kiel iu fariĝo, iu malvolviĝo, iu moviĝanta tutaĵo, rezultas el tio, ke estas neeble loki tiun realaĵon en la kadrojn de kiu ajn dogmeca sistemo. Ĝi ja neniam povas esti adekvata al la realaĵo, kiel pretendite: ĝi povas nur fari la sumon de elpasintaĵo. En mondo senĉese aliiĝanta, turmentata de internaj antagonismoj, kiuj povas solviĝi nur per novaj kreiĝoj, la dogmismo entenas nepre erarojn, ĉar ĝi pretendas montri la estonton per la bildo de limigita eksperimento, kiu baldaŭ ne plu estos adekvata.

* * *

Estas kurioze konstati, ke Marks, kies verko, pli ol iu alia, kontribuis por detrui la metafizikan k religian dogmismon k por krei la revolucian penson, estas hodiaŭ konsiderata de multaj homoj kiel vera estro de skolo, kiel fondinto de iu „filozofio por la proletaro".

Unu el la motivoj pro kiuj la metodo, kies Marks estas la iniciatinto, ŝajnas al ni fruktodona, estas male, ke ĝi malpermesas ĉian tiaspecan provon. Estas utile noti, ke asertante la neceson de kritika k relativista sinteno sur la filozofia kampo, ni nur rekontaktiĝas kun la intelekta tradicio, kies Marks k Engels estas la iniciatintoj.

La historia materialismo estas ankaŭ iu historia koncepto pri la naturo: por Marks k por Engels, la transiro de iu materia stato en novan staton aperigas novajn formojn, neantaŭviditaj, se neantaŭvideblaj k kiuj ne povas esti entenataj en iu sistemo el formuloj. Iu serio da homogenaj agoj fine naskas fenomenon, kies naturo estas tute alispeca ol tiu de la fenomenoj antaŭe observitaj. Tiel la „kvanto" transformiĝas en „kvaliton" laŭ iu terminaro k analizo, kiujn Marks prenis ĉe Hegel.

La marksista sociologio estas aparta kazo en tiu koncepto pri la evoluo: ĝi kalkulas, inter la kaŭzoj de kreado k renoviĝo, la homan agadon, kies estontaj rezultoj ne povas antaŭe esti detale difinitaj, ĝuste pro la pluiga (transpasa) potenco, kiun entenas ĉiu natura forto malvolviĝanta.

Tial oni ne povas konjekti, kio estus iu socio transformita per la socialismo: la homaro, disponante ĉiujn siajn riĉaĵojn, dediĉus ilin al la senlima superregado al la fizika naturo k sendube povus tiele transformi la biologian k psikan strukturon de l'homo k tiel kreus tute novajn vivformojn, superaj al la konataj.

* * *

Limigante sin per la fundamentaj ideoj, liveritaj de la naturo, konceptita kiel tutaĵo en ĉiama moviĝo, Marks k Engels sukcesis eviti la kritikojn, kiujn la ideista filozofio faras, ne senmotive, al la sciencismo : la dialektika metodo liveras klarigojn pri la diverso, pri la senlima multo de la formoj de la realaĵo, ne rezignante tamen aserti ĝian unuecon.

Tia intelekta sinteno, entenante la ideon pri senlima pluigo (transpaso), pravigas la eliminon al ĉia dogmismo, sen kio ĉiu esploro estas nefruktodona. Sed ĝi nepригas alian ne malpli gravan konsekvencon. Malaprobante la dogmismon, oni samtempe forpuŝas ĉiun ideon pri iu transcendo, ĉu dia, ĉu morala aŭ socia.

Dogmismo signifas konsenton pri sistemo kun absolutaj definitivaj asertoj, pri kiuj neniu limigo estas akceptebla. La religio aŭtoritate trudas dogmojn, la filozofio per demonstracioj, donitaj kiel raciaj. Sed ambaŭ konsistigas per tiu sistemo el dogmoj iun transcendan mondon, solan realan mondon, kiu trudas sian leĝon al la homaro, rezignante pri modifo al la sentebla mondo, vanta ŝajno. Tial la forigo al ĉia iluzio pri transcendo estas necesa kondiĉo por la liberiĝo de l'homaro. Kaj tial Marks ne konsentis siavice starigi dogmon, prezenti transcendan mondon, kiu naskigus novan servuton. Tiu relativeca sinteno estas konsista parto de la penso de Marks, k la marksistoj, kiuj forgesas tion, diversrilate senfruktigas la verkon de tiu, kiun ili konsideras sia majstro.

Iuj kreas sektanecan k abstraktan dogmismon; fiksante la penson de Marks en iu sistemo, ili rigidigas la dialektikon mem. Ili deduktas la regulojn por agado de neŝanĝeblaj principoj; ili ligas la sorton de la teorio al la rezultoj pli malpli provizoraj de ĉi tiu aŭ tiu koncepto pri biologio, pri psikologio aŭ fiziko; ili neas la produkt- k krekapablon de l'homo, sen kiu oni ne povas koncepti kapitalisman malvolviĝon kun teknika bazo, nek la reagon de l'proletaro kontraŭ tiun kapitalismon.

Aliaj restarigas la transcendan mondon, limigante la signifon de la marksista penso ĉe la socia kampo; ili rigore reduktas ĝin ĉe iu sociologio k ĉe la reguloj de ĝia metodo, kio evidente permesas rezervi kampon por la metafiziko, por eterna moralo, eĉ por religio. Kristanaj marksistoj, ideistaj kristanoj, kantanoj aŭ novkantanoj, ĉiuj tiuj „variaĵoj“ ne estas nur simplaj hazardaĵoj: ili rilatas al iu konservema instinkto, al iu inerto de la moderna socio.

Sendube por apogi tiun sintenon, oni povas mencii la fakton, ke la marksismo estas antaŭ ĉio scienco pri la socio. Ni tamen opinias, ke neniam Marks konsideris sian teorian verkon kiel sendependan de la tuto el la scienca scio en sia epoko.

Estas sendube pli facile akomodiĝi al malnovaj pensmanieroj, al moralaj reguloj, transdonitaj de la rutineca kutimo k starigi ilin kiel principojn, kiel absolutajn valorojn. Tiel farante el la moderna mondo, el la mondo de la „spirito“ apartan kampon, tio estas fari el la filozofio k el la moralo armilojn ne malpli reakciajn ol la kristanismo de tiu, kiu diris: „Mia regno ne apartenas al ĉi tiu mondo“.

Sed se la bildo pri la filozofia sinteno de Marks, kiun ni provis skizi, estas ekzakta, ni almenaŭ ne kredas ebligi al ŝajnaj „marksistoj“, ke ili kritiku nin, k ni estas certaj resti fidelaj al la spirito de la moderna scienco, kies plej eminenta reprezentanto estis Marks.

*Petro Kaan.*

El *La Socia Kritiko* (La Critique Sociale) kompiltradukis *Herezulo.*



# SCIENCO

## *Fiziko*

## LA SENRAJTIĜO DE L'ETERO

TRE ofte oni bedaŭras, ke la fizikaj teorioj kontraŭdiras supermezure la „evidenton“. Se oni konsentas pri tio, ke teorio povas esti tre malproksima de la senpera sentimpreso, oni plendas tamen, ke la nunaj teorioj ne estas tiel „intuiciaj“ kiel la antaŭaj.

Por kontentiĝi per la plej konata ekzemplo, la malnova *elektromagneta teorio pri la lumo* reduktis ĉiujn elektrajn, magnetajn k optikajn fenomenojn al movadoj de elektronoj en la etero, sed la etero k la elektronoj estis ĉiam konsiderataj kiel havantaj iajn rilatojn al la sentumoj k kiel reprezenteblaj intuicie, la elektronoj kiel etaj materiaj kazeeroj, la etero kiel kontinua elasta maso, asimilebla al gelateno.

Nu, la teorio de Ajnŝtajn (Einstein) detronigis la eteron por anstataŭigi ĝin per abstrakta principo, *la principo pri relativo,* dum la nova *ondmova meĥaniko* celas nin senigi de niaj etaj materiaj kazeeroj, lasante al ni nur sistemon de matematikaj rilatoj.

Tiu ĉi manko de intuicio, tiu ĉi foriĝo de la sentumaj impresoj elvokis, ĉe iuj eksperimentistoj, ioman antipation rilate al la modernaj teorioj. La publiko, kiu interesiĝas pri la fiziko, demandis sin eĉ, ĉu ne estus kaŝita, en la nuntempa fiziko, iu mistike metafizika elemento, de kiu la klasika scienco — tiu de iu Njutn (Newton) aŭ tiu de iu Laplas (Laplace) — estus netuŝita. Tio ne ĝustas, ĉar sufiĉus eĉ nur iom funde esplori la historion pri la malnovaj teorioj por rimarki, ke ĉiu progreso estigis la samajn kritikojn k la saman malfidemon.

*

La kredo je la etero estas nur la mucido de malnova metafiziko, kiu paralizas ofte ankoraŭ la instruadon de l'filozofio en la universitatoj. Tiu ĉi kadukiĝinta metafiziko asertas, ke ĉiu propreco estas konceptebla nur dank' al „apogilo“: ekzemple, la materio estus la apogilo de la palpeblo, k la etero, la apogilo de la lumo. Tia koncepto kompletiĝas per alia, laŭ kiu *spaco—tempo—materio* konsistigus misteran trimembraĵon, el kiu ĉio devenus k kiu estus „la esenco de l'aĵoj“, dum la aliaj kvalitoj estus ununure „empiriaj.“ Tiu ĉi maniero vidi, kiu reduktiĝas, lastanalize, al la teologia supozo pri „supera mondo“, fermita al la mortuloj k forkaŝita poreterne al iliaj sentumoj, transvivis en la hipotezo pri l'etero.

Per tiu ĉi medio oni plenigis la tutan universon k oni konfidis al ĝi la mision „klarigi“ la elektromagnetajn fenomenojn. Tiucele oni eliris de trompa analogio: oni pensis, ke tiu ĉi etero devis obei al la leĝoj de l' klasika teorio pri la elasto, tio signifas al la teorio pri la fenomenoj, kiuj sinsekve fariĝas en la ordinaraj elastaj korpoj[1]. Du serioj da fenomenoj observeblaj montriĝis estrataj de la samaj ekvacioj: la elastaj fenomenoj k la elektraj fenomenoj. Oni nomis tion „redukti“ la elektrajn fenomenojn al la elastaj fenomenoj. Se oni ne havis la ideon fari la inverson, se oni ne parolis pri tio redukti la elastajn fenomenojn al la elektraj fenomenoj, tio okazis pro la nura k sola motivo, ke la elastaj fenomenoj estis ekkonataj k observataj la unuaj. Sed en tio vidiĝas nur historia motivo, k ne scienca[2].

Sed tiam produktiĝis ekstreme stranga incidento: aperis, ke la etero, tiel imagita, povis *en nenia maniero* havi la proprecojn de *ajna* elasta korpo, kiel tiuj, kiuj prezentiĝas al ni *reale.* Ĉar oni kutimiĝis redukti la elektromagnetajn fenomenojn al la elastaj fenomenoj, oni ne hezitis formuli jenan nepravigeblan sofismon: „La ekvacioj de l'elektromagneta kampo, kiuj absolute ne konkordas kun tiuj de vera elasta korpo, difinas do (!) apartan (?) elastan korpon, kiu neniel obeas la klasikajn ekvaciojn pri la elasto, sed pri kiuj oni povas ekkoni la sintenon nur aplikante la teorion pri la elektro . . .“

Sendube J. Frenkel, profesoro en Leningrado, kiel unua, en sia *Traktaĵo pri teoria elektro,* ne nur forĵetis la teorion pri l'etero, sed plie evitis, per racia maniero, apliki la parolmanieron pri la etero. Malfeliĉe multaj raportoj en tiu punkto estas plenaj de malkonsekvencoj: ili pruvas, per tute „moderna“ maniero apogante

[1] Ekzemploj pri elastaj korpoj: la gasoj, la risortoj de horloĝo. Ekzemploj pri elastaj fenomenoj: ekplodo, la irado de horloĝo.

[2] Unu plian fojon, laŭ la profunda rimarko de Paŭlo Langevin, oni kredis „simpla“ tion, kio estis nur familiara.

sin sur la Ajnŝtajnaj teorioj, la kadukon de l'hipotezo pri la etero, sed ili persistas utiligi la eteron, en frazturnoj kiel tiu, kiun ni transskribas senkomente: „Se korpo moviĝas en la etero, *kiel oni ne devus ĝin diri verdire, sed kiel ni* ĝin diros malgraŭ tio *pro motivoj de oportuno . . .*"

*Filipo Frank*, profesoro ĉe la Universitato de Prago.

## *Lingvoscienco*

# LA LINGVO K LA VIVO

**Enkondukaj vortoj.**

*Sub tiu titolo regule aperos de nun lingvistika kroniko, kies gvidadon bonvolis preni sur sin profesoro G. Waringhien, SAT-ano 17 296, L.-K.ano k kunaŭtoro de la Plena Vortaro. Ni penos sekvi, kiel eble plej diligente, la nunan evoluon de esp-o, kiun neeviteble modifas la ĉiutaga uzado en plej diversaj fakoj k landoj. Ni zorgos prezenti al nia legantaro la ekzaktan staton de la lingvaj demandoj, kiuj ofte stariĝis jam de la naskiĝo de esp-o, sed kies vortigo k solvoj de tiam pli malpli ŝanĝiĝis. Ne konvenas flegi dekjaran knabon kiel unutagan infaneton. Al tiu aparta aspekto de nia lingvo, al ties kreskado k progreso ni estos precipe atentaj: ne mankas aliaj publikaĵoj, kiuj sin dediĉas al la studo de la alia aspekto, la tendenco konserviĝi k persisti en la samaj formoj.*

*Tio ne signifas, ke ni konsideras malgrava la respekton al la Fundamento k al la decidoj de la lingvaj institucioj. Male, ju pli ampleksa estas la disbranĉiĝo de arbo, des pli firman k solidan radikon ĝi bezonas. Severe observante tiun bazon de nia lingvo, ni estos aliflanke toleremaj sur ĉiuj aliaj terenoj. Ni pensas, ke ni ne devas ligi nin mem tro strikte per facilanimaj decidoj aŭ obstinaj postuloj al oficiala regularo. Se en pluraj okazoj, du solvoj estas egale kontentigaj, ni ne vidas motivon por konsili la unuan k forkondamni la duan.*

*Jen, pri la principaj punktoj, la programo de tiu kroniko. Ni aldiru, ke ni volonte akceptos la kunlaboradon de ĉiuj kompetentuloj, kiuj konsentas kun tiuj direktoj. Ili certe samopinios kiel ni, ke SAT, la organizo, kiu jam liveris al la tuta esperantistaro la valoran k multe bezonatan vortaron, ne povas tute seninteresiĝi pri la vivo k evoluo de nia lingvo. Kompreneble tiu nia zorgo estos ĉiam, kiel ĝis nun, nur io flanka, akcesora en nia programo; sed estus nepardonebla eraro, grava manko niaflanke, se ni tute ignorus la flegadon al la ilo, per kiu la SAT-anoj povas senti sin kvazaŭ apartenantaj al granda, tutmonda familio.*

*Tial ke ĉiuj abonantoj de „S-ulo" ricevas ankaŭ „La N.E.", estas evidente, ke per tiu aranĝo nia literaturscienca organo fariĝas la plej grava k influpova el la tiaspecaj gazetoj. Ni esperas, ke ĉiuj sinceraj esperantistoj ekkonscios pri tio k helpos k subtenos nian entreprenon.*

*Ni jam povas sciigi al la legantaro, ke s-ro E. Grosjean-Maupin promesis sian kunlaboron por la leksikologia parto de ĉi tiu rubriko.* *La Redakcio.*

---



# NEOLOGISMO

Neologismo, diras la vortaro, estas „nova, antaŭe neuzata vorto". Tre simpla difino, tre malsimpla demando. Efektive, lingvo servas al ni nur por komprenigi al aliaj homoj niajn dezirojn, sentojn, eĉ, kelkfoje, pensojn. Kaj estas io blindige evidenta, ke ni povos komprenigi ĉion tion al aliaj, nur per la uzado de vortoj, kiujn ili jam aŭdis k bone konas. Kiel estas eble, ke troviĝas stranguloj, kiuj volas esti komprenitaj uzante novajn, antaŭe neuzitajn vortojn? Kaj eĉ se oni povas diveni, kion ili intencas signifi, dank' al la ĉirkaŭteksto, kial ili subite bezonas uzi tiun aŭ tiun vorton, kiun ĉiuj aliaj samlingvanoj ĝis tiam neniel bezonis? Strange . . . strange. . . . Kaj tamen, estas fakto: en ĉiu viva lingvo, senescepte, la neologismo floras k floradas, k nenia aŭtoritato, Akademio aŭ Imperiestro, sukcesis bari al ili la vojon. De kie ili akiris al si tiun nesubpremeblan forton? El kia fonto ili ŝprucas tiel abunde? Estas tro facila respondo atribui ties svarmon al ia mensa mallaboremo aŭ snobisma novamo. La lingvaj demandoj ne estas tiel simplaj.

Se ni deziras esplori iom science ĉi tiun, ni devas unue distingi inter la naciaj lingvoj, kiuj ekzistas jam de kelkaj jarcentoj k posedas kompletan esprimilaron por ĉiuspecaj ideoj, k la artefaritaj lingvoj, kiuj pro sia relativa juneco ne havas ankoraŭ ĉiujn al la homa penso necesajn klavojn. Alia grava diferenco estas, ke en la nacilingvoj, la plej favora medio por naskiĝo k multiĝo de neologismoj estas ne la intelektularo, sed ja la popolo. Oni povus kalkuli per siaj fingroj la neologismojn enkondukitajn en francan lingvon age de la grandaj verkistoj: kontraŭe abundas tiuj, eltrovitaj de la nekonitaj gazetistoj aŭ de nekleraj fakmetiistoj. La situacio estas rekte mala en esp-o; k tio estas komprenebla. Nia lingvo estas origine arta kreaĵo, k nur iom post iom formiĝis esp-a popolo, kiu nun komencas konscii pri si mem, sed estas nek sufiĉe multnombra, nek sufiĉe komunviva por posedi tiun neologisman forton. Restas nur la verkistoj, grandaj k malgrandaj, kiuj havas la senton pri manko de tiu aŭ alia termino, k samtempe la eblon prezenti al la legantaro siajn proponojn. Sed ĉar ili solaj havas tiun senton k tiun eblon, estus ridinde akuzi ilin sisteme je senpripenso aŭ fantazio.

Mi parolis pri mankoj. Estas fakto, ke ekzistas tiaj mankoj en nia lingvo; k post kelka studo, oni ekvidos, ke ili apartenas al du specoj. La unua speco rilatas al la ordinara ĉiutaga lingvo, la dua al la literaturo; k la kaŭzoj de tiuj mankoj ne estas la samaj por ambaŭ specoj.

La primitiva vortaro de la Unua Libro celis havigi ĉiun necesan materialon al la ĝenerala konversacio en etburĝa klaso; k ĝi bone sukcesis en tio. Sed tio mem indikas al ni la limojn de tia vortaro: ĉar la ordinara konversacio de la jaroj 1890 estis multe malpli teknika ol tiu de la postmilitaj jaroj; k aliflanke ĝi ne postulis la precizon, kiun bezonas, ne nur la sciencaj studoj, sed eĉ en multaj okazoj la vivpraktiko de la simpla laboristo. Vortoj kiel *bremso, kranko, kriko, helico, ŝvebi* ktp estis tiam maloftaĵoj, dum ili fariĝis komunuzaj en la epoko de l'aŭtomobilo aŭ aviado. Tio klarigas, kial oni atendis tiel longe antaŭ ol povi nomi la suprediritajn objektojn aŭ agojn aliel ol per malprecizaj k maloportunaj ĉirkaŭfrazoj: *haltigilo, turnilo, dentaĵlevilo, ŝraŭbego, flugpendi* ktp. Aliflanke la unuaj esp-istoj multe pli prizorgis noblajn pensojn aŭ belajn literaturaĵojn ol la vulgarajn detalojn de la reala vivo. Kaj tio klarigas, kial ankoraŭ nun por signi kelkajn kutimajn objektojn esp-o ne disponas taŭgan ter-

minon; ni citu nur senorde la *poŝtrancîleton*, la *bolkaldronon*, la *fenestrokovrilojn*, la *porkonstruan antaŭtrabaĵon*, la *stratdefluilojn*, ne kalkulante eĉ *malsupreniri* aŭ *sencele promenadi*. Por kelkaj aparatoj, kiuj prezentas inter si ian similon, nia lingvo posedas nur unu vorton: la diversaj dubrancâj iloj uzataj jen por tranĉi paperon aŭ ŝtofon, jen por tondi la harojn, jen por senlanigi ŝafojn, jen por faligi foliojn k branĉetojn — ĉiuj tiuj iloj estas egale *tondiloj*. Oni konfesos, ke fatale, kun la disvolviĝo de nia lingvo, oni ekuzos novajn, oportunajn vortojn por tiuj objektoj k agoj. Antaŭnelonge, tuj de kiam esp-o efektive penetris en la komercajn rondojn, ĝi devis akcepti *trajno* k *varo* anstataŭ la kilometraj *vagonaro* k *komercaĵo*. La samo rekomenciĝos, kiam la frizistoj aŭ la ĝardenistoj efektive ekuzos nian lingvon. Ĉar nepra estas la bezono havi precizajn k mallongajn vortojn por signi objektojn aŭ agojn, kiujn oni devas ofte priparoli en ĉiu tago. La oficiala esp-o povas sufiĉi por tiuj, kiuj parolas ĝin unufoje ĉiun duan jaron, k skribas per ĝi po tri leterojn jare. Sed ju pli vasta estos ĝia uzado, ju pli ofta ties praktiko, des pli kompleta fariĝos la terminaro. Tio estas fatala leĝo, kiun estas tute superflue protesti. Kaj same vana estas la kontraŭdiro, ke tiuj novaj vortoj igos la lingvon pli malfacila, ĉar la laboro estas egala, aŭ diveni la signifon de tiuj enigmoj *naĝbarelo* aŭ *rulbloko* aŭ lerni tuj la formojn *buo* k *pulio*. Cetere, oni devas konfesi, ke la ekzemploj de tiu kategorio estas sume maloftaj, k la nombro de la estontaj tiaspecaj neologismoj neniel devas teruri la simplajn verdulojn. La vizaĝo de esp-o ne fariĝos nerekonebla pro kelkaj dekoj da novaj radikoj. Kaj ties enkonduko povas savi esp-on de grava deflankiĝo el la logiko: ĉar, kiel montris E. Privat, kelkaj kunmetitaĵoj per -il komencas perdi sian logikan sencon k akiri alian pli malvastan: *pafilo* jam ne estas plu tio, kio ĝi devus esti: ĉia ilo por pafi, sed ĝia senco limiĝis al tiu de *fusilo; tranĉilo* ekiras la saman vojon, je la kostoj de la klaro k harmonio de nia lingva sistemo. En tiaj okazoj ŝajna malsimplaĵo produktus efektivan simpligaĵon. Mi ne diros ĉiam la samon pri la neologismoj de la dua speco.

(Sekvota.) *G. Waringhien.*

## Por la Senlaboruloj!

**Kelkaj K-doj abonis plurajn ekz-ojn de „La N. E." k metis ilin je nia dispono por dissendo al senlaboraj SAT-anoj. Oni do konigu al ni (14, avenue de Corbéra Paris XII) la nomon k adreson de tiuj senlaboruloj k ni ekspedos al ili 3 sinsekvajn n-ojn. Ni volas tamen havi la certon, ke ne senskrupululoj uzas tiun okazon k ekspluatas la malavaremon de donacemuloj. Konigante al ni nomojn, oni diru, de kiom da tempo la koncernato estas senlabora, ĉu li havas infanojn ktp, por ke ni elektu la plej indajn, el la sendube tro multenombraj K-doj, kiuj deziras ricevi nian revuon k ne povas ĝin aboni.**

**Korektoj en la unua kajero:**

Bonv. korekti sur paĝo 15, maldekstre, 6-a linio de malsupre: devas esti „pesilo" anst. „balanco"; paĝo 13, maldekstre, 15-a linio de supre: „metas al ni bastonojn inter la radioj" (anst. „radoj"), kio volas diri: „(homoj, kiuj) malhelpas nian laboron."



## Sub la sagoj de l'kritiko

**Walter Kloepffer, Vagabondo k Sinjorino.** Trad. el la germana *Ludwig Goppel*. Eld. Heroldo de Esperanto, Köln. 204 pĝ. Form. 14×20. Prezo: bind. ekz. 4.40 mk. g., broŝ. 2.80.

(P. 28) „Conny estis bonhumora. La sentimentalaj ataketoj de la lasta nokto foriĝis. Li ree ĝojis pri sia brilblanka amelita ĉemizo, k jam li pripensis la aĉeton de paro da perlamotaj man-um-butonoj, kiuj brilis en montrofenestro de juvelisto. Ĉe la Maks-monumento li eltiris la oran cigaredujon — donacon de Vera Voronov —, de kiu li, eĉ dum la plej malbonaj tempoj de sia vivo, ne estis disiginta sin. Pelton oni povas vendi, eĉ sian liton, se io alia ne estas farebla, sed neniam rememoraĵon pri sinjorino. Tio estas maksimoj."

Per tiu ĉi cito mi prezentis al vi la *vagabondon* k samtempe la „altan" kvaliton de la legaĵo, kiu teniĝas tra la ducent paĝoj sur tiu sama nivelo. La *sinjorino* estas la malfacile atingebla amatino de l'„vagabondo", tiu „bonedukita" homo, leŭtenanto dum la milito „distingita per la plej alta bavara ordeno por braveco", kiu kutimas perdi sian lastan monon en ĉevalkurejoj. La *sinjorino* estas la filino de maljuna germana generalo, kiu okupas sin pri bonfarado k investas tiom da mono en dometaron por militviktimoj apud Munĥeno, ke li ŝuldegiĝas ĉe malmolkora usonano k ankoraŭ pli malmolkora k naŭze malbela ties filino. Kompreneble la eksleŭtenanto k vagabondo „estas homo, kiu ne povas toleri, ke iu mamonema dolarulo pereigu bonan germanon" (tiu generalo krome estis lia ĉefo). Kaj lia tuta celado estas nun savi de l'bankroto la maljunulon k ekposedi ties filinon. Post multaj aventuroj, ekz. amafero kun sudfrancino, kiu pro ĵaluzo fine mortigas la malbelan usonaninon, li atingas sian celon. Ŝparu al mi rakonti la epizodojn ofte sufiĉe nelerte prezentitajn. Svarmas la neverŝajnaĵoj k la banalaĵoj! Eĉ ne mankas kelkaj oblikvaj rimarkoj pri la „plebo", kiuj sufiĉe klare montras la „amikajn" sentojn de l'aŭtoro al la subpremata klaso.

La traduklingvo estas flua, sed ne ĉiam korekta. Precipe ĝena estas la konstante ripetiĝanta malkorekta uzo de „bedaŭri (nda)" anstataŭ „kompati(nda)"; krome, p. 42, lukti *kun* (anst. *kontraŭ*), pĝ. 104, *tajloristino* (anst. *tajlorino*). Da neologismoj ne troviĝantaj en „Pl. V." ni notis: „spektantejo" (anst. rigardantejo), „dispozicioj" (anst. disponoj), „globtrotulo" (mondvagulo), „gracila" (delikate gracia), „vilao" (kampara dometo), „jubili" (ĝojkrii), „ĉika" (anst. *ŝika*, laŭ P. V.). —

Konklude: oni elektu pli valorajn, pli bongustajn k pli bonstilajn librojn por esperantigo k ne malŝparu energion k monon al tiaj fuŝproduktoj! *N. B.*

**D-ro Edmond Privat: Esprimo de sentoj en Esperanto.** Ĝenevo. Universala Esperanto-Asocio. Formato 11×17; 67 pĝ.; prezo: 1,50 svis. frk.

D-ro Privat studas la lingvon objektive, tia, kia ĝi estas. En la III-a ĉapitro li montras ĝian asimilan povon kune kun la ekstera internacia influo okaze de la landnomoj. Por ekzemploj, *Italio* k *Rusio*, li diras, estas internaciaj k tolereblaj, dum ke *Meksikio*, *Svisio* k *Kanadio* estas kvazaŭ monstraj. En la IV-a ĉapitro li ankaŭ tre prave diras, ke ironio k ŝerco estas malfacile uzeblaj en esp-o, tial ke ili efikas tre malsame laŭ la diversaj popoloj. Estas konate, por ekzemplo, ke la fama germana kritikisto Lesing (Lessing) ne ŝatis la francajn poetojn Moljer (Molière) k La Fonten (La Fontaine); ni scias ankaŭ, ke nia ŝercema, talenta aŭtoro de *La stranga butiko* ne plaĉas al iuj pruduloj. En la IX-a ĉapitro, d-ro Privat tre sagace montras, ke por juĝi pri la kompreneblo de ia esprimo, ni devas atenti la orientanojn, kiuj ĝenerale preferas la internan sistemecon al la ekstera internacieco; ili preferas, por ekzemploj, *malsanulejo* al *hospitalo*, *arbareto* al *bosko*, *dikfingro* al *polekso*, ktp. En la sama ĉapitro li klare vidigas la du kaŭzojn por la malsukceso de la karesaj sufiksoj *ĉj* k *nj*. Fine en la lasta ĉapitro li insistas sur tiu fakto, ke esp-o tre malofte ludas la rolon de gepatra lingvo k ke longatempe, se ne ĉiam, ĝi restos ia helpa lingvo.

La stilo de l'aŭtoro estas preskaŭ senriproĉa. Mi nur rimarkigos, ke li sisteme intermiksas *dume* (adverbo) k *dum ke*, aŭ *dum kiam* (konjunkcio), k ke li iom tro ŝatas la prepozicion *je* k la sufikson *eg*; sed ĉi tio ne gravas. *H. B.*

**Andersen: Fabeloj.** Tria parto. Tradukis *d-ro L. L. Zamenhof*, Paris. Esperantista Centra Librejo, 11, rue de Sèvres (6-e). Formato: 15×21; 153 pĝ.; prezo: 9 fr. fr.

Kun granda atento k eĉ kun certa respekto mi legis ĉi tiun tradukon de nia Majstro. Ĉar lia stilo estas por ni ĉiuj modela

k imitinda, mi evitos ĉian lingvan kritikon, farante nur konstatojn. Mi ekvidis kelkajn preserarojn, sed la presiĝo entute estas sufiĉe bona. La temo estas konata; la fabeloj de Andersen estas laŭŝajne destinataj por infanoj, sed ili tuŝas al ĉiuj detaloj de la homa vivo k tial ni ankaŭ, maturuloj, povas instruiĝi per ili.

Koncerne la lingvon mem mi faris jenajn rimarkojn:

1e. Zamenhof uzas kiel nedifinitan artikolon pli volonte *unu* ol *ia* aŭ *iu;* li diras: *unu patrino, unu tagon, unu juna knabino, unu vesperon* k. c.

2e. Li tre modere uzas malprecizan prepozicion *je;* anstataŭe li diras, ekzemple: fianĉigi *kun*, konforme *al*, plena *de*, aliformiĝi *en*, dishaki *en* pecetojn, trinki *por* la sano.

3e. Li iom trouzas, laŭ mi, la sufikson *ad*, precipe por esprimi la tempon imperfektan; tiuj sennombraj *adis* pezigas senutile la frazon.

4e. La simplan kondicionalon kun la finaĵo *us* li uzas egale por la tri tempoj; li ne diras, ekzemple: *Tion mi neniam estus pensinta*, sed: *Tion mi neniam pensus* (paĝo 34).

5e. Li tre ofte substantivigas rekte la adjektivon: *Tio efektive estas la plej prudenta; ŝiaj karaj* (gekaruloj); *la plej ĉarma* (io), *kion oni povas vidi* (paĝo 18).

6e. La adverbojn returne k renkonte li ĉiam uzas sen la n (akuzativa); li konstante diras *iri renkonte* (al iu), *iri returne* (al la hejmo).

7e. Jen fine kelkaj esprimoj rimarkindaj: *morti de malsato; tremi de frosto; mi havas nenion plu por doni; horkvarono* (anstataŭ kvaronhoro); *brako sub brako; mano en mano ili iris; fariĝu, kio volas; Dio turnis ĉion al bono; ke mi nur ne malsaniĝu! Oni devas sin limi; kio fariĝis kun li? kanti konkure kun la violono.*

Ni legu k relegu ĉi tiun verkon kiel entute la verkaron de Zamenhof; neniam ni forgesu, ke ĝi estas la leĝo, la Fundamento de nia lingvo. *H. B.*

**Eisaburo Iŝihara, Verda Karto.** El la japana lingvo tradukis Hideo Jamanaka. Tokio. Japana Esperanto-Instituto. Ŝin-Ogaŭmaĉi III-15, Uŝigome. Form. 13×19; 184 paĝoj; prezo: 3 sv. fr.

*Verda Karto* estas ia romano, kiu celas priskribi la socion tia, kia ĝi estos post 50 jaroj, k tiam, kompreneble, la aŭtoro povas irigi sian fantazion libere k senbride. Laŭ li, post unu duonjarcento, t. e. en la jaro 1980, esperanto estos uzata de la elito de la homaro en la tuta mondo; oni jam malofte veturos per aŭtomobiloj, oni vojaĝos preskaŭ ekskluzive per aeroplanoj po pluraj centoj da pasaĝeroj kune; oni fumos junigan tabakon k junigajn cigaredojn; la sciencoj, nome: meĥaniko, elektrigo, senfadeneco k televidado estos progresintaj en nekredebla maniero; maŝinoj faros ĉiaspecan laboron; ja eĉ la heroo, la juna sciencisto, Akira Hanado, inventas fine ian aparaton de senfadena elektropovo, kiu kapablas refari k korekti la homan animon k kiu nepre donos estonte al la patrujo grandan prosperon k venkon. Brave! Akira Hanado! Hura! Japanujo!

La libro sin prezentas kun bela aspekto; ĝi estas tre nete presita k enhavas nur malmulte da preseraroj. La tradukinto, s-ro Jamanaka, posedas perfekte nian lingvon; lia stilo estas flua k tre korekta. Nur ie k ie li uzas la participon *ita*, anstataŭ *ata*, k li precipe trouzas la prepozicion *je;* por ekzemplo, sur la sola paĝo 36, mi ĝin vidis trifoje: *kontenta je (pri) la sintenado. — Li havis memfidon je (al) sia talento. — Kvankam li sentis la sorĉecon je (de) lia rideto.* — Resume *Verda Karto* estas ia interesa romano, drameca k facile legebla. *H. B.*

## RADIO-PROGRAMO:

*2. junio:*
22.05—22.30: Leningrad, 1000 m, informoj (samhore: 5., 9. 6.; eble la dissendoj ne plu okazas!)

*4. junio:*
20.15—20.25: Lyon-la-Doua, 466 m, parolado (samhore: 11. 6.)

*5. junio:*
8.10— 8.35: Hilversum, 298 m, lab. kurso (same: 12. 6.)

*7. junio:*
20.00—20.10: Tallinn, Tartu — informoj.

*9. junio:*
22.35—22.45 ? : Breslaŭ/Gleiwitz, parolado pri la silezia arbaro.

### El la Administrejo.

La presisto de la jarlibro faris tre gravan eraron sub la urbo *Kopenhago;* ni petas nian membraron korekti ĝin jene: anstataŭ 17610 Norberg Viktoro, ministo, vi bonvolu meti: *15326 Neergärd Paul, Kastelsvej 21, studento.* La antaŭan adreson oni forstreku, ĉar ĝi jam troviĝas sur la sama paĝo 82 sub Koskullskulle.

*Adm.*

## LA EĤO DE LA LEGANTOJ

*Ni publikigas ĉi-sube la plej karakterizajn ekstraktojn el la leteroj, kiujn ni ricevis.*

K-do *Soares*, Parizo: „Leginte la unuan n-on de „LNE“, mi tute malkaŝe diru, ke plaĉis al mi apenaŭ 10% el la tuta enhavo. La ceteraj 90% taŭgas nur por narkoti impertinentajn infanojn, same kiel la avinoj faras al siaj nepoj por dormigi ilin rakontante feinajn fabelojn . . .“

K-do *J. A.*, Sucy-Franció, skribas: „Ĝoje mi ricevis „LNE“. Certe pro la formato k enhavo ĝi plaĉos, se ne al ĉiuj, almenaŭ al preskaŭ ĉiuj. Kredeble la abonantaro rapidkreskos . . .“

K-do *H. P.*, Madrid: „ . . . mi gratulas al vi pro tiu ĉi brilega solvo de la problemo. Mi ne povas imagi al mi, ke ekzistas iu K-do, kiu ne plene konsentus pri tiu ĉi aranĝo k provo pluvivigi „LNE“ . . . La zorge elektitaj literaturaj verkoj ja nur povas vere progresigi la lingvan scion k krome la spiritan evoluon . . . Nur la okupiĝo pri verkoj de literaturo de kapablaj aŭtoroj levas la lingvoscion sur pli altan nivelon.“

K-do *J. B.*, Roterdam: „Mi gratulas vin pro la maniero, en kiu denove aperas „LNE“. Estas nur bedaŭrindege, ke en la koroj de l'homoj terure malrapide enradikiĝas novaj ideoj; pro tio nia „LNE“ certe ne facile prosperos . . .“

K-do *H. B.*, Annecy: „Mi jus legis la unuan n-on de „LNE“ k tuj sendas al vi ĉi-inklude 15 fr. por mia abono, kio kompreneble signifas, ke la revuo al mi plaĉas: formato, preso, stilo, ĉio estas bela k bona, k la talento de kelkaj redaktintoj estas vere rimarkinda.“ La K-do konsilas nur, ne trouzi mallongigojn (*k, esp-o*), nur interkrampe meti la prononcon de l'propraj nomoj, lasi liberon uzi por landnomoj „uj“ aŭ „i“-finaĵon (ni lasas tiun liberon — *Red.*), eviti la formojn „aliam, alie, aliel, aliu“ kc.

K-do *Minke*, Amsterdam: „ . . . mi havus deziron: ke „LNE“ aperu kun kovrilo! Tio plivalorigus ĝin . . . sur la kovrilo ni presigu anoncojn, la rubrikon „korespondado“, sed ne recenzojn (por povi bindi la jarkolekton)“. — Ni sekvus la sugeston, se . . . la financa stato ĝin permesus!

K-do *Flower*, London: „Rilate al „LNE“ mi havas 2 kritikojn: Unue la stilo ŝajnas al mi iom peza. Due: la enhavo de „LNE“ ne tute kontentigas min. Mi taksas, ke duono el ĝia enhavo facile povus aperi en iu ajn neŭtrala gazeto. Mi volus vidi artikolojn, verkitajn laŭ klaskonscia ideologio, stimulantaj k informantaj nin, esprimantaj niajn esperojn en literatura formo. Literaturo sen tiu enhavo estas laŭ mi neuzinda de SAT. Se necese, mi preferus vidi taŭgajn tradukojn. . .“

K-do *Sinkel*, Leipzig: „ . . . Nenion mi volas diri kontraŭ la ĝenerala enhavo, ĉar ĝi, laŭ mia opinio, plene konformas al la karaktero de literatura gazeto. Sed en tia gazeto pli ol en alia devas esti la stilo laŭeble modela. Tion mi ne povas diri pri la du artikoloj „La brigadoj de sovet. verkistoj“ k „Loĝejo n-o 32“. La stilo en ambaŭ ne estas tia, kian oni devas postuli por nia gazeto, kiun simplaj laboristoj legas . . .“

K-do *G. W.*, Lille: „ . . . Tio estas bela revuo, kun granda peno al la altkvaliteco. Pri la enhavo . . . ĝi faras impreson tro severan, tro densan, tro konstante seriozan. Du pecoj estas altvaloraj: la *Versaĵoj pri Baltio* k *La Loĝejo 32* (kvankam iom difektita de la tradukisto) . . . Sume io valora, sed iom peza . . .“

Sovetia K-do, kies nomon k loĝlokon ni ne citas pro konataj kaŭzoj, skribis entuziasman leteron, el kiu ni citu nur jenon: „Hieraŭ mi ricevis n-on 1 de „LNE“. Grandega sukceso! Mi opinias, ke ĉiuj SAT-anoj aprobos ĝian enhavon, aspekton ktp . . . . Enhavo riĉa, pensiga, kleriga. Fortan energion, optimismon donas la aspekto de la gazeto. Belaj ilustroj. Estas granda honoro verki por tia revuo . . . Mi, sen memlaŭdado, havas pli ol mezan kleron, sed multegajn novajn pensojn, ideojn, faktojn mi ĉerpis el la revuo. Se mi ion kapablos fari taŭgan por „LNE“, mi penos kunlabori al ĝi. — Dankegon pro la alsendita gazeto. Bonege, bonege k bonege!“

Kaj konklude iu rimarko, kiu ĵetas bonhumoran noton en la voĉkoncerton:

K-do *Stanliff*, Akron (Usono), skribas: „La nova apero de la revuo, la enhavo k la stilo estas bonegaj. Sed se vi persistos presi bildojn kiel tiun de la nuda virino, la usona registaro intervenos certe k ne liveros ĝin al mi . . .“

*Ĉu la diroj de tiuj dek K-doj spegulas la ĝeneralan opinion de la legantaro? Neeble scii. Ni ŝatus esti ricevintaj multe pli da opiniesprimoj. Sed kredeble estas abonantoj, kiuj atendas esti legintaj du aŭ tri n-ojn antaŭ ol havi firman opinion pri nia nova entrepreno. Ni denove insistas por ke la legantoj konigu al n i siajn rimarkojn, konsilojn k kritikojn — ĉu laŭdajn aŭ mallaŭdajn. Al la mallaŭdontoj ni tamen diru, ke necesas, ke ili klarigu la kialon de siaj kritikoj. Tute ne sufiĉas, ekzemple, diri: „la stilo estas iom peza“, se oni ne citas la „pezajn“ frazojn. Nia deziro estas, ke la revuo estu ĉiurilate kiel e b l e plej perfekta k la legantoj povas helpi al perfektigado, sed necesas, ke ni konu tute precize la „pekojn“ por konvinkiĝi pri ilia ekzisto k eviti ilin estonte.*

*Ni ne havas la esperon, ke en la venontaj n-roj la tuta enhavo plaĉos al ĉiuj legantoj. Kiom da kapoj, tiom da gustoj! Kaj ni estu modestaj: la literaturaj k sciencaj fortoj en nia movado — k eĉ en la tuta esperanta movado — estas tre, tre malgrandaj. La demando povas do esti nur jena: vivigi organon, kiu ebligas la malvolviĝon de tiuj embriaj fortoj. Kiuj estas pli postulemaj, tiuj senkonscie penas detrui la embrion mem.*

*Ĉi tiu organo respondas al iu bezono, fakte ekzistanta en nia movado; ĝi sekve estas nepre necesa — k vivkapabla, se ĉiuj interesiĝantoj helpos al ni per sia kunlaborado k per varbado de abonantoj.* *Redakcio de LA NOVA EPOKO.*

## Al LEA-grupoj k SAT-rondoj

La 3-an de junio, en granda solena kunveno, la *Lab. Esp. Grupo de Ljono* (Lyon) festos la 20-an jaron de sia vivo. Ĉiuj K-doj, kiuj jam delonge partoprenas la prol. esp. movadon, scias pri la agemo k efika laboro de Ljonaj esp. laboristoj, kiuj en 1912 jam rompis kun la neŭtrala movado k ĉiam staris ĉe la unua vico de la lokaj klasbatalaj organizoj. En tiu ĉi momento, kiam proletoj entuziasme ĝojas pri konstanta progreso de socialismo en Sovetio, tieaj K-doj ne forgesu, ke jam komence de 1918 la Ljonaj lab. esp-istoj subtenis k defendis la rusan revolucion; ilia opinio ne ŝanĝiĝis, k ili agas tiel, ke plej baldaŭ falu la kapitalisma sociordo.

K-doj el LEA- k SAT-grupoj, de vi ni petas k atendas kuraĝigajn salutojn! Sendu amase leterojn al „Labor. Esperantista Grupo", 39, Cours Morand, *Lyon VI* (Francio). La leteroj estos laŭtlegataj al la publiko dum la kunveno k al ĉiu sendinto ni respondos. Dankon jam al ĉiuj, k okaze de la 20-jara ekzisto de nia rondo ni esprimas niajn fratajn solidarajn sentojn al K-doj en tutmondo!

## Esperanta maj-saluto per Oslo-Radio

La Asocio de Esp. Laboristoj en Norvegio ricevis la permeson sendi al en- k eksterlandaj esp-istoj unuamajan saluton, en kiu estis priparolata la manifestacio en Oslo, partoprenita de la esp. laboristoj. Oni ne permesis traduki norvegen la saluton (dissenditan je la 20.30 h. en „horo por laboristoj"), k tial la celo parte estis miskomprenata de la lab. (k burĝa) gazetaro. K-doj, subtenu nin en Norvegio! Skribu al Norvega LEA, poŝtkesto 407, *Oslo*, k pruvu tiel, ke la saluto estis efika! Sendu ankaŭ dankkarton pro la unua radiosaluto de norv. lab. esp-istoj al *Oslo-Radiostacio.* La saluton dissendis ankaŭ la relajstacioj en Trondhejmo, Stavanger, Kristiansand, Bodo, Fredrikstad, Hamar, Porsgrunn, Notodden, Rjukan k Tromso. (14 061.)

## NIA POŜTO

*8048.* — Via traduko el J. London aperos certe.

*5383.* — „Duona homo" aperos baldaŭ.

*ALLE-Bruck.* — Pagu al adm. 1 ŝil. por la anonceto; la rap. aperos en „S-ulo".

## KORESPONDADO

### AŬSTRIO

SAT-anoj 15 696, 1446 el Zürich k 16 348 el Ĝenevo bonv. respondi al K-do V. Harter (ALLE-grupo Bruĉ).

### ĈEĤOSLOVAKIO

Kiu sendos al mi 100—200 pec. de PM, tiu ricevos la s. kvanton de mia l. Resp. garant. Adr.: K-do J. Kopecky, Šturova str. 4, *Prešov.*

### GERMANIO

K-do Bruno Meyer, Plantagenstr. 46, *Göppersdorf b. Burgstädt/Sa.*, kêl, L, PM, foto-amatoro. Resp. garantiata.

K-do Rudi Seidel, *Untertriebel b. Oelsnitz/V.*, interŝ. PI, PM ktp. kun la tuta mondo. Resp. garantiata.

Grupo de fervojistoj (10 pers.) koresp. kêl, pri ĉ. temoj. Resp. garantiata. Adr.: Esperanto Grupo B., *Leipzig-Wahren.*

### HISPANIO

K-do Antono Rudilaina, str. Mendez Munez 17, *Rubi*, kêl, pri ĉ. temoj.

K-do Johano Caralt, str. Murillo 85, *Rubi*, kêl, pri ĉ. temoj.

5 K-doj volas koresp. kêl. Adr.: K-do Jose Garcia, strato San Martin 7-1-3, *Barcelona,*

### NEDERLANDO

K-do J. C. Verboekent, (librotenisto, 25 j.) 35-bis, *Utrecht*, kêl, pri ĉ. temoj, L, PI.

K-do F. de Groot Jr., van den Boschstr. 24, *Utrecht*, kêl, pri ĉ. temoj, L, PI.

Esperanto-klubo koresp. pri ĉ. temoj kun eksterl. Gekdoj. Skribu multnombre al: K-dino J. M. Götte, Marnixkade 17/III., *Amsterdam.*

Rondo de Gek-doj el la grupo 1-a, Rotterdam, dez. individuan koresp-adon kêl, pri ĉ. t. Skribu multnombre al: K-do J. Petersen 2-e Reserveboezemstr. 14-a, *Rotterdam.*

### SOVETIO

K-do *M. Spivak*, poĉtovaja 8, kv. 2, *Lugansk* (Donbass), dez. kor. kêl, pri ĉt.

K-do *E. Snitko*, Sev. Kav. Kraj. Ĉeĥovskaja 135, *Taganrog*, dez. kor. kêl. pri ĉt.

Rabfako, grupo MOPR, studentoj de lab. fakultato, *Tuapse* (Kaŭkazo), dez. kor. kun gelaboristoj el ĉl. pri polit., ekon. k a.t.

K-do *V. Basov*, profesoro, Baŝkirio, *Ufa*, Leninskaja 70, kv. 1. Pri infana psikologio, pedologio, psikotekniko.

### SVEDIO

Studgrupo inter oleo-laboristoj dez. koresp. kun fakaj K-doj pri labor- k salajrokondiĉoj. Adr.: Einar Nilsson, Naftasyndikat, Loudden, *Stockholm.*



Kial vi parolas pri sennaciismo, ĉar vi ankoraŭ ne legis k studis:

## LA MANIFESTO DE LA SENNACIISTOJ

*La riĉenhava broŝuro estas mendebla ĉe jenaj adresoj:*

**Britio:** (3 pencoj) K-do Horace Walker, 25, Grimthorpe Terrace, Ash Road, Headingley, *Leeds.*

**Francio:** (1,50 fk.) K-do L. G. Avid, 19 bis, rue J. B. Baudin, *Villejuif* (Seine).

**Germanio:** (0,25 mk. g.) K-do J. Burger, Bruchstr. 47 a, *Essen.*

**Nederlando:** (0,20 gd.) K-do F. Faulhaber, Marathonweg 15, II, *Amsterdam.*

**Norvegio:** (0,30 oeroj) K-do M. Muribo, H. H. Rodes Vei 1, Bekkelagshögda, *Oslo.*

**Polio:** (0,50 zl.) K-do St. Rostoniec, ul. Piekna 52, *Varsovio.*

**Usono:** (0,10 cd.) K-do T. Veder, 24—29 Merchant St., *Astoria,* L. I.

*Ankaŭ havebla ĉe la Administracio de SAT.*


**Abontarifo:**
Argentino, pes. 2; Aŭstrio, ŝil. 4; Belgio, belgoj 3; Brazilio, milr. 5; Britio, ŝil. 3: Bulgario, lev. 100; Ĉeĥoslovakio, kr. 20; Danio, kr. 3; Estonio, kr. 2.50; Finlando, mk. 25; Francio, fr. 15; Germanio: mk. 2.50; Hispanio, kiel Francio; Hungario, peng. 4; Italio, lir. 15; Japanio, jen. 2; Jugoslavio, din. 40; Latvio, lat. 3; Litovio, lid. 6; Nederlando, guld. 2; Norvegio, kr. 3; Polio, zlot. 5; Portugalio, esk. 12; Rumanio, lej. 120; Sovetio, rubl. 1.50; Svedio, kr. 3.50; Svisio, fr. 3.50; Usono, dol. 1.

**REDAKTEJO: 14, av. de Corbéra, Paris 12e.**
**ADMINISTREJO: R. Lehner, Kolmstr. 1, Leipzig O 27.**

Presejo: Oscar Wettig, Gelnhausen (Germanio)